**Sepa Numero** **Julio 1932**

# LA GAZETO DE LA XXIVA UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

**Parizo : 30a Julio - 6a Aŭgusto 1932**

**Tarifo por Reklamoj :** 300 frankoj po paĝo kaj proporcie por frakcioj ĝis 1/16 de paĝo. Rabato por ripetitaj enpresoj.

**Ĉefredaktoro : Raymond Schwartz**
**Teknika Direktoro : L. N. Newell**

Adreso de la Redakcio :
LA MAISON DE FRANCE
101, Av. des Champs-Élysées
PARIS-VIIIe

Nepresitajn manuskriptojn la Redakcio resendos, nur se ili estas akompanataj de respondkuponoj por la afranko.

## ONI PAKAS LA VALIZOJN

NUN alvenas la momento, kiam vin ekkaptos la vojaĝfebro. Nun necesas vin montri supere kvieta, senkonfuze serena. Ne ĵetu en la oscedantan faŭkon de l' avida valizo senelekte ĉiujn objektojn, kiujn vi renkontos sub la mano. Kaj ĉiuokaze lasu hejme viajn zorgojn ĉiutagajn. Ilin vi ne bezonos dum la Kongreso. Sed ne forgesu preni el via sekreta tirkesto tiun bonhumoran rideton, kiun surmeti vi tro malofte havis okazon depost via infanaĝo. Alvenu kun rideto kaj tiam vi miros, kiel glate, velure malvolviĝos ĉio.

La L. K. K. faris kaj faros ĉion eblan, por ke postrestu al vi agrabla rememoro pri la Pariza Kongreso. Sed pripensu, ke tiu L. K. K. konsistas el homoj, homoj sinceraj, fervoraj, bonintencaj, sed ne ĉiopovaj. Konservu vian bonhumoron, eĉ se montriĝus, ke via hotelĉambro ne havas, laŭ via prefero, ruĝajn tapetojn, eĉ se la vetero ne ĉiam respektos viajn dezirojn, eĉ kaj tiel plu. Ĝoja sento regu super ni.

Ni ne kunvenos en Parizo por interŝanĝi malagrablaĵojn, sed por festi kaj labori kune en frata konkordo. Sen-escepte ni ĉiuj havas la saman celon, sukceson de Esperanto. Kun iom da bonvolo oni trovos la grandan larĝan vojon, kiu kondukas al tiu komuna celo, sur kiu ni povos ĉiuj kuniĝi anstataŭ sekvi personan inklinon laŭ flankaj vojetoj. Do metu en la valizon ankaŭ iom da bonvolo. Se eble, iom multe.

Al viaj hezitemaj amikoj, kiuj ĝis nun ne aliĝis, alportu tuj agrablan sciigon. Pro la krizaj cirkonstancoj la L. K. K. decidis, ke la kongreskotizo estos plialtigata nur post la 25-a de julio. Do, viaj hezitantaj geamikoj povas ankoraŭ profiti la krizajn cirkonstancojn.

Alia bona novaĵo : la solena malfermo de nia Kongreso okazos en la Granda Amfiteatro de la Sorbonne, la bone konata pariza universitato. Jen fakto, kiu tre favore kunhelpos al sukceso de nia propagando.

Kaj aliaj bonaj novaĵoj, kiujn citi ĉiujn ni ne povas. La serio estas malfermita kaj ne fermiĝos baldaŭ. Tial venu kun ĝoja rideto al la Ĝoja Kongreso !

R. S.

# « La Domo de Francujo »

Dum la lastaj jaroj la avenuo de l' Elizeaj Kampoj, senkonteste la plej brila arterio en Parizo, multe evoluis, ĉiam kun la deziro alkonformiĝi al superaj postuloj de l' progreso. Tie oni hodiaŭ vidas plej luksajn magazenojn, komforte instalitajn en tre modernaj domoj, kies bongusta arkitekturo mirigas. Ĉiuj grandaj aŭtomobilfirmoj posedas tie ekspozici-halojn, kaj la famaj parfummarkoj siajn vendejojn. La kadro estas tute ĉarma. Krom tio tre grandaj hoteloj, per sia komforto, per siaj mondumaj kunvenoj, allogas tien la riĉan tutmondan klientaron.

Tie, ĉe angulo de la avenuoj Champs-Elysées kaj Georges-V, la Nacia Turisma Oficejo konstruigis imponan palacon, kies nomo estas « La Domo de Francujo » *(La Maison de France)*.

Vastega halo akceptas vin, kies tre arte ornamitaj muroj kaj vitroplafonoj reprezentas scenojn turistajn, tiel invitante al vojaĝado. Ĉar tiu domego estas antaŭ ĉio la hejmo de l' turismo. Tie la vojaĝemulo, franca kaj eksterlanda, trovas en plej plaĉa atmosfero ĉiujn servojn kaj informojn koncerne turismon, ĉion, kion oni deziras scii pri veturkondiĉoj, pri klimato, situo, ekonomia stato, k. t. p.

Sur la teretaĝo oni povas aĉeti ĉiajn biletojn por fervojo, ŝipoj, aŭtoĉaroj, aviadiloj al ĉiuj terpartoj. Aŭtomobilistoj ricevas informojn pri la stato de ĉiuj vojoj, veturplanojn senpage preparitajn de la firmo Michelin. Speciala oficejo okupiĝas pri pasportoj kaj doganaj problemoj, kaj dank' al sia perfekta organizo ĝi kapablas alporti rapidan solvon. La franca tabak-manufakturo prezentas kaj vendas tie ĉiujn siajn produktojn ; ankaŭ poŝtoficejo metas siajn servojn je via dispono kaj nuntempe oni instalas telefonĉelojn, de kie oni povos paroli kun la plej malproksimaj landoj. Diversaj komuninteresaj asocioj kaj multaj vojaĝ-agentejoj havas konstantajn dejorantojn en tiu palaco. Granda salono gastigas la reprezentantojn de l' gazetaro. Plue estas tie loko por radiofonaj sendoj, teatra oficejo, gazetvendejo, ekspoziciejo, kie oni povas admiri unuarangajn artobjektojn kreitajn en Francujo. En kinematografejo oni povas antaŭĝui la diversajn plezurojn, kiujn prezentas la fame konataj francaj kuraclokoj, marbordoj, historiaj kasteloj kaj urboj, k. t. p.

Mallonge, tiu Domo havas unu ĉefan celon : Utili ĉiurilate al la turisto.

La Estraro de la Domo de Francujo estas tre favora al nia movado. Tion pruvas jam la fakto, ke ĝi estis tuj preta akcepti ĉe si la sekretariejon de nia Kongreso. Ni estas certaj, ke al siaj multaj servoj ĝi baldaŭ aldonos ankaŭ tiun, kiun reprezentas la uzo de internacia helplingvo.

# Voko al homoj bonintencaj

Vi ĉiuj deziras la pacon, eĉ kiam vi opinias, ke iu milito povas esti necesa.

Ni profitu nian kuneston en Parizo por atente ekzameni kiel oni povas nepre malebligi militojn, tamen donante al ĉiu popolo garantiojn, ke ĝiaj vivinteresoj estos tiom efike protektataj de la ordo internacia, kiom ili estas de ĝia kapablo aŭ de ĝia rajto militi.

Preferinde estas akiri per pacaj rimedoj tion, kion oni esperas akiri per milito.

Tiucele ni organizas dum la Esperanto-Kongreso seriozan Esperantan unulingvan Kongreson de ĉiulandaj bonintencaj homoj.

En dekdu diskutkunsidoj ni atente esploros kune la diversajn aspektojn de l' problemo de l' paco.

Vi eble kredas, ke por tiu problemo neniu taŭga solvo estas trovebla : vi ne sufiĉe studis ĝin.

Eĉ se ne estus jam trovita iu taŭga solvo, kial kredi ke neniam ĝi estos trovata ?

Esperanto ebligas al ni studi facile ambaŭ flankojn de ĉiu internacia problemo. Se ni uzus ĝin ni ofte konstatus, ke ago de najbaro, kiun ni imagis kaŭzita de atakemo de malbonulo aŭ de nekontentigebla avideco, estas natura postsekvo de liaj bezonoj kaj de lia nescio pri niaj. Esperanto taŭgas por forigi tiajn erarojn, kiuj kaŭzas militojn.

Ni ekzamenos kiel ni povos ade kaj plej efike uzi ĝin por tiu nobla utilega rolo. Se vi volas, Esperanto iĝos la ŝlosilo de l' pordo al paco. *Ĝi tiel tiros al si la atenton de l' mondo, gajnos ŝaton, kiu alportos al ĝi rapidan venkon.*

La Packongreso estas senpaga por anoj de l' Universala Kongreso. Ok kunvenoj okazos en la Esperanto-Kongresejo (ĉambro H, 200 sidlokoj). La aliaj en tre proksima loko.

Ni havas taŭgajn parolontojn pri kelkaj temoj. *Ni deziras pliajn, se eble ne-francojn.* Sendu proponojn tuj al :

S-ro F. Brossier, 25, rue Docteur-Heulin, Paris-XVII.

Interesatoj sendu adreson kaj kongresnumeron por ricevi definitivan programon.

Provizora programo. — *Militkaŭzoj :* Lingvodiverseco. Naciaj pasioj. Militistaroj. Trologateco. Aliaj ekonomiaj kaŭzoj. Registaroj. Militebleco.

*Rimedoj proponitaj por certigi la pacon :* Morala edukado. Esperanto. Plifortigi propran militistaron. Haltigo, malpligrandigo, forigo de l' armadoj, unuregne aŭ ĉiuregne. Sendoganeco. Ŝanĝi la landlimojn. Militistaro internacia. Ribelo kontraŭ milito. Socialismo. Anarkismo.

*Kiel efikigi la multulan pacdeziron.*

*Diversaj projektoj de konstitucio internacia.*

F. Brossier.

# NI REMEMORU!

Se nunjare, post longjaraj klopodoj, ni povas bonvenigi en Parizo la tutmondan Esperantistaron, se nia kongreso prezentiĝas sub plej favoraj kondiĉoj, ni ne forgesu, ke tion ni ŝuldas ne nur al la homoj, kiuj lastatempe elspezis senkalkule siajn fortojn kaj tempon, sed ankaŭ — kaj ofte ĉefe — al tiuj bravuloj, kiuj antaŭ multaj jaroj semis la unuajn grajnojn, al tiuj eminentaj pioniroj, kiuj kuraĝe spitis la unuajn mokojn, kiuj pacience, paŝon post paŝo, ebenigis kaj plilarĝigis tiun vojon, sur kiu hodiaŭ ni povas marŝi pli libere al proksima estonteco. Tial ni rememoru kun sentoj sinceraj de amo kaj danko tiujn batalintojn en Parizo, kiujn tro frua morto forrabis de ni, kiuj ne povis ĝisvivi la maturiĝon, la realiĝon de sia plej kara espero, la Parizan Kongreson.

Ne estas eble elvoki ĉi tie ĉiujn nomojn, kiuj viciĝas en bedaŭrinde jam longa aro sur la honora tabelo de l' nekrologo. Ni povas citi nur la plej konatajn inter ili kaj ni devas, malgraŭ nia arda deziro konigi ilin pli bone al la posteularo, ni devas limiĝi al mallonga resumo.

Claudius Colas : falis sur la milita kampo en septembro 1914. Fervora Esperantisto, ĉefe konata inter la katolikoj, kies Esperantan movadon li organizis kun granda sukceso.

Daniel Eyquem († 1926) : Prezidinto de la Societo Franca por Propagando de Esperanto. Senlaca batalanto, kies entuziasma kuraĝo montriĝis, dum malfacilaj periodoj, pli forta ol ĉiuj baroj.

Generalo H. Sebert († 1929) : Internacia figuro, kreinto de la Internacia Centra Oficejo, kiun li malavare subtenis. Oni ne povas paroli pri nia movado ĝis ĉ. 1923 ne menciante lian nomon ĉe ĉiu paŝo.

Barono F. de Ménil († 1930) : Komponisto de nia himno, kunredaktoro kaj, post la morto de Carlo Bourlet, ĉefredaktoro de *La Revuo*; ankaŭ ĉefredaktoro de *France-Esperanto*.

Th. Cart († 1931) : Nia bona, kara profesoro Cart. Heroa defendinto de nia Fundamento, agema, komprenema Prezidinto de nia Akademio, senlaca propagandisto, verkisto, kiu vivas por ĉiam en la rememoro de ĉiuj nuntempaj Esperantistoj. Ĝis la lasta momento li apartenis tute al Esperanto kaj la morto trafis lin ĉe lia skribotablo, super Esperantaj ellaboraĵoj.

Kaj nun oni permesu al ni, en tiu ĉi gazeto de la Pariza Kongreso, saluti kun alta respekto la memoron de tiu, kiu estis la ĉefa arkitekto de la Deka : Carlo Bourlet.

Ĉar li malaperis inter la unuaj el la vico de niaj francaj eminentuloj, la postmilita generacio apenaŭ aŭdis pri li. Sed tiuj, kiuj konis lin, ankoraŭ hodiaŭ ne povas paroli pri tiu granda homo sen sincera emocio. Kia doloro ekskuis la tutan Esperantistan mondon en aŭgusto 1913, kiam ĝin trafis la fulmofrapa sciigo pri la morto de Carlo Bourlet! Pri la morto de tiu vera geniulo, kiu sin donis al Esperanto tuj de l' komenco, ne parte, ne hezite, sed entuziasme kaj tute. Li estis majstro de l' organizado, ĉefo de l' propagando kaj dank' al li la juna Esperanto faris gigantajn paŝojn en Francujo kaj eksterlando. Oni ne povas raporti ĉiujn progresojn, kiujn nia kara lingvo ŝuldas al Carlo Bourlet, sed por resumi la signifon de tiu viro en nia movado, ni



CARLO BOURLET

citu tiujn vortojn el la funebra parolado, kiun d-ro Zamenhof mem elparolis super la freŝa tombo :

« Mi konis lin nur kiel Esperantiston, tamen tuj de la unua momento, kiam mi ekkonis lin kiel Esperantiston, li ĉiam staris antaŭ miaj okuloj kiel homo tiel grava kaj tiel meritplena, ke ĉiufoje, kiam mi pensis pri la sorto de Esperanto, pri ĝia progresado, pri ĝia batalado, pri ĝiaj esperoj por la estonteco, ĉiam sur la unua plano staris antaŭ mi la bildo de Bourlet. »

Nia amiko, s-ro Rollet de l'Isle, jam havis la okazon diri en tiu ĉi gazeto, kun kia zorgo kaj atento Carlo Bourlet preparis la X-an Kongreson, tiel, ke post lia morto la organizantoj povis alpreni lian tutan planon. Ankaŭ la organizantoj de la XXIV-a povis grandparte ĉerpi inspiron el multaj programpunktoj de la plej granda Direktoro, kiun Esperanto iam havis.

La Redakcio.

# Kongresaj Ekskursoj

Du ekskursoj estas aranĝitaj por la kongresa semajno, unu al Versailles, alia al Fontainebleau. En ĉiu el ambaŭ urboj staras palaco mondfama.

En Versailles ni vizitos la kastelon kaj la parkon, faritajn laŭ la ordono kaj sub la kontrolo de Louis XIV, krom kelkaj postaj modifoj. Tie loĝis la reĝoj de Francujo, de 1674 ĝis la Revolucio.

La 5-an de oktobro 1789 popolamaso marŝas de Parizo al Versailles, invadas la kastelon, mortigas reĝajn gardistojn kaj, la morgaŭan tagon, rekondukas al Parizo la reĝan familion. De tiu momento Louis XVI estis fakte mallibera kaj restis tia ĝis sia senkapigo, la 21-an de januaro 1793.

La 18-an de januaro 1871 la prusa reĝo Wilhelm estas proklamata imperiestro de Germanujo en la Galerio de la Speguloj. La 28-an de junio 1919, en la sama Galerio, dudek-sep ŝtatoj subskribis la packontrakton post la terura milito 1914-1918.

La ĝardenoj, desegnitaj kaj aranĝitaj de Le Nôtre estas la ĉefverko de la « franca ĝardeno ». Ilia majesta vasteco akordiĝas perfekte kun la pompo de la palaco.

La ekskurso okazos per speciala vagonaro (17 kilometroj). La *Gvidlibro de la Kongreso,* kiun ricevos senpage ĉiuj kongresanoj, enhavos sciigojn pri Versailles. Plie, kelkaj parizaj kongresanoj gvidos la viziton kaj liveros surloke ĉiujn necesajn klarigojn.

En Fontainebleau ni vizitos la palacon kaj la famegan arbaron, kiu ĉirkaŭas la urbon.

La palaco estas pli vere apudmetaĵo de multaj kastelpartoj, ĉar, de la XII-a jarcento, la plimulto de la francaj reĝoj pligrandigis kaj plibeligis ĝin, precipe François I kaj Henri IV. La ĉiuspecaj stiloj kontrastas kun la majesta unueco de Versailles, sed tiu konstruaĵo estas instruplena, ĉar ĝi memorigas pri multaj okazintaĵoj — gravaj aŭ ne — de la franca historio.

En 1560 la korteganaro estis tiel multenombra kaj la petadantoj tiel insistaj, ke Kardinalo de Lorraine, ĉefministro de François II, starigis pendigilon apud la kastelo kaj ordonis al ĉiuj personoj, eĉ altrangaj, venintaj al la kastelo por prezenti petojn, ke ili forkuru antaŭ dudek-kvar horoj, se ili ne preferas esti pendigataj.

Antaŭ ol li kreis la kastelon de Versailles, Louis XIV venis preskaŭ ĉiujare, kun multaj brilaj korteganoj, al Fontainebleau. Li volis, ke ĉiu vivu komforte sub lia gastigo, kaj ĉiuj devis bonfarti « laŭ ordono de la reĝo ».

Pli malfrue, Napoleono I riparigis la palacon. La 15-an de novembro 1804 li akceptis tie la papon Pio VII, veninta en Francujon por kroni lin imperiestro. Sed naskiĝis grava malfacilaĵo priprerogativa. Nur la imperiestro persone devis akcepti la papon, sed li ne volis iri al li renkonte. Por solvi la demandon oni difinis la vojon, kiun sekvos la papo en la arbaro, kaj Napoleono, kiu ĉasis precize en tiu tago, renkontis la papon « hazarde », en ĉasvesto. Tute kompreneble ili vojiris kune al la palaco, kiel du kamaradoj.



KASTELO DE VERSAILLES (PARTO DE LA FASADO ALPARKA)

Ĉiuj konas la lastajn gravegajn okazintaĵojn en Fontainebleau. Tie Napoleono rezignis la tronon la 11-an de aprilo 1814. La sekvantan nokton la imperiestro, forlasita, tedita, naŭzita, provis sin veneni, sed ne sukcesis. La 20-an de aprilo la imperiestra gvardio kunvenis en la « Korto de la Blanka Ĉevalo » ; la imperiestro malsupreniris la « hufoferan ŝtuparon » kaj prononcis la famegajn « Adiaŭvortojn de Fontainebleau ». Poste li foriris al la insulo Elbe.

Sed la 1-an de marto 1815 Napoleono elŝipiĝis en Francujon kun naŭcent soldatoj. Ok tagojn poste, en Grenoble, li estis venkinta sen bataloj; la soldataroj senditaj por haltigi lin, akceptis lin kiel estron ; « la aglo flugis de sonorilejo al

sonorilejo ĝis la turoj de Notre-Dame », kaj la reĝo Louis XVIII forlasis rapidege la palacon Tuileries, eĉ forgesante sian flartabakujon sur sia skribotablo !

La urbon Fontainebleau ĉirkaŭas preskaŭ tute la arbaro de 17.000 hektaroj, sovaĝa, kun siaj malnovegaj altkreskaj arboj, siaj sablaj dezertoj, siaj strangformaj rokoj.

La ekskurso okazos per aŭto-veturilegoj (60 kilometroj) kaj la kongresanoj manĝos meze de l' arbaro. Gvidado kiel en Versailles.

INT.-GEN. L. BASTIEN.

## La Unua Kongresurbo

La Esperantistoj de Boulogne-sur-Mer rekomendas al ĉiuj kongresanoj, ke ili vizitu tiun belan urbon marbordan, kiu estas la unua franca fiŝhaveno kaj centro de l' somerferia vivo. La unua Universala Kongreso de Esperanto okazis en Boulogne-sur-Mer, tial tiu simpatia urbo konservos ĉiam apartan ĉarmon por ĉiuj Esperantistoj.

Por ĉiuj sciigoj oni turnu sin al Sekretariejo de la Grupo Esperantista « Verda Stelo, Unua Kongreso », 22, rue Victor-Hugo, Boulogne-sur-Mer.

## Parizaj Stacidomoj

Por ke la alvenantaj kongresanoj povu tuj havi informon pri veturoj en Parizo, pri la vojo al la Kongresejo aŭ al sia hotelo, la L. K. K. difinos al la ĉi subaj kvin stacidomoj Esperantistojn speciale informitajn. La kongresanoj, elirinte la vagonaron, povos do tuj trovi la deĵorantan Esperantiston en la Informejo *(Renseignements)*.

La Informejo estas markita sur la planoj : A.

La deponejo kaj ricevejo por pakaĵoj estas markitaj : B.




STACIO NORD




STACIO EST




STACIO SAINT-LAZARE




STACIO AUSTERLITZ




STACIO LYON (P.-L.-M.)

# LA XXIV^A UNIVERSALA KONGRESO

Parizo, 30 Julio — 6 Aŭgusto 1932

## OFICIALAJ SCIIGOJ

**Oficiala Invito :** La Kongreso okazos en Parizo laŭ oficiala invito de la Ĉambro de Komerco de Parizo, sendita al la Internacia Centra Komitato de la Esperanto-Movado.

**Patronado :** La Kongreso estas sub la patronado de s-ro Albert Lebrun, Prezidanto de la Franca Respubliko.

**Loka Kongresa Komitato :** Prezidanto, Georges Warnier ; Vic-Prezidanto, Int.-Gen. Louis Bastien ; Kasisto, Lucien Tuleu ; Ĝenerala Sekretario, L. N. Newell ; Help-Sekretario, Jean Marchand.

Komitatanoj : Jean Couteaux, L. Cozic, René Dubois, Maurice Duperrey kaj Célestin Rousseau.

**Kongresa Oficejo** *(adreso por ĉiuj komunikaĵoj) :* La XXIV-a Universala Kongreso de Esperanto, Maison de la Mutualité, 24, rue Saint-Victor, Paris-V.

**Banko :** La Société Générale (Agence HV), Paris (konto N° 10.066). Ĉekoj estu pagotaj al « XXIV-a Universala Kongreso de Esperanto ».

**Poŝtĉeka Konto :** Oni adresu poŝtajn ĉekojn al « XXIV^e Congrès Universel d'Esperanto, Paris N° 1647-59 ».

**Plialtigo de kotizoj :** Pro la fakto, ke la oficiala permeso en kelkaj landoj ankoraŭ ne estas donita, kaj ĉar la nuna ekonomia krizo malhelpas al multaj pagi frue sian kotizon, la Loka Kongresa Komitato decidis prokrasti ĝis la 25-a de julio la plialtigon de la kongresa kotizo. Do, ĝis tiu dato la ordinara kotizo restos je 125 francaj frankoj, kaj la junula kotizo je 30 frankoj. Post la 25-a de julio, ili altiĝos laŭvice al 200 kaj 60 frankoj.

**Vizo por eniro en Francujon :** La franca Ministerio pri Alilandaj Aferoj ne povas doni al la kongresanoj senpagan vizon, sed informas la Lokan Kongresan Komitaton, ke oni devas peti ĉe la franca konsulejo en sia urbo « vizon de transito » *(visa de transit),* se oni intencas resti en Francujo ne pli ol unu monaton. La kosto estas 5 francaj frankoj.

**Ĉeĥoslovaka vizo :** La Ĉeĥoslovaka Legacio en Parizo informis la Lokan Kongresan Komitaton, ke ĉiuj kongresanoj vojaĝantaj al Parizo tra Ĉeĥoslovakujo povas ricevi senpagan vizon por Ĉeĥoslovakujo (dekreto de la Ministerio pri Alilandaj Aferoj, numero 36.218 de la 12-a de aprilo 1932). Krome, ĝi konfirmis, ke ĉeĥoslovakaj civitanoj povas facile ricevi permeson elporti kun si sumon pli grandan ol 750 kronoj, petante permeson ĉe la Nacia Banko.

**Somera Universitato :** Kun plezuro la L. K. K. sciigas, ke prof. d-ro Odo Bujwid konsentis esti Prezidanto de la Somera Universitato en la XXIV-a Universala Kongreso.

La L. K. K. starigis, interkonsente kun la I. C. K., la jenan programon :

S-ro Georges Avril : Evoluo de la Kinema Arto (kun prezento de filmoj de la unuaj ĝis la plej lastaj).

S-ro André Baudet : La Komerco antaŭ cent jaroj ... nun ... kaj post cent jaroj.

S-ro Gabriel Chavet : La Modernaj Tendencoj de la Dancarto (kun prezento de dancistoj kaj dancistinoj).

D-ro Kalocsay : La Vorto en Esperanto.

S-ro René Mesny : Televidado kaj Mallongegaj Ondoj (kun lumbildoj).

Prof. Bruno Migliorini : Artefaritaj Elementoj en la Naturaj Lingvoj.

**Malferma Kunsido :** La L. K. K. sukcesis havigi al la Kongreso la Grandan Amfiteatron de la Sorbonne por la Solena Malferma Kunsido.

**Ekskursoj :** Kongresanoj bonvolu noti, ke la prezo por la ekskurso al Fontainebleau estas 55 francaj frankoj. Tiu prezo enhavas la veturon en luksaj aŭtomobiloj, ĉiujn vizitkostojn, gvidadon, plenaeran manĝon en la arbaro (kun vino, biero aŭ mineralakvo, kaj kafo). La mendiloj por ekskursoj estas dissendataj samtempe kun tiu ĉi numero de la *Gazeto de la XXIV-a.*

**Loĝejoj :** Kongresanoj bonvolu noti, ke estas necese en ĉiuj okazoj montri sur siaj mendiloj por loĝejoj la daton de sia alveno en Parizo kaj de sia foriro, por ke la L. K. K. povu sciigi al la hotelestro la daŭron de la restado en la hotelo.

**Rabatoj kaj Vizoj :** La Rumana Esperantista Societo skribis al la L. K. K., dirante, ke ĝi provas havigi al kongresanoj vojaĝontaj tra Rumanujo senpagan vizon kaj 50-procentan rabaton sur la rumanaj fervojoj. Interesitoj skribu al s-ro H. Harabagiu, 19 Bul. Al. Ion Cuza, Bucuresti, Rumanujo.

**Trapaso de la Franca Dogano :** Post traktado kun la koncernaj aŭtoritatuloj, la L. K. K. sukcesis havigi al la kongresanoj venantaj el aliaj landoj specialan atenton kaj helpon en la

landlimaj doganejoj. Por tio, ĉiu kongresano devos montri al la doganisto sian kongres-karton, kaj glui sur siaj pakajoj la glu-etiketojn, kiuj estas jam forsenditaj kun la mendilo pri ekskursoj.

---

## Donaca Kaso

SESA LISTO

Transportita el la Kvina Listo, Fr. 2.218,25; J. Weiss (memore de d-ro Javel), 50; J. Rouquié 5; E. J. Cuomo, 15; J. Vavrovsky, 5; M. du Merton, 13; A. Michaux, 25; C. M. Hamaker, 100; J. Bouge, 10; G. Moignet, 25; f-ino M. C. J. Geus, 5; s-ro Strasser, 25; s-ino M. M. L. North, 25; J. A. North, 25; J. Rousseau, 25; G. Drobecq 25; f-ino L. Astrand, 13; F. Spindler, 25; R. Fournier, 5; s-ino A. Courtas, 10; A. Biles, 5; J. Jäger, 10.

**Sumo, Fr. 2.594,75.**

---

## Blindula Kaso

SESA LISTO

Transportita el la Kvina Listo, Fr. 3.599,25; Federacio de la Pariza Regiono, 100; d-ro E. Meyer, 25; Amitié des Aveugles de France, 163,15; A. Masselier, 50.

**Sumo, Fr. 3.937,40.**

---

## Subvencioj

KVARA LISTO

Transportita el la Tria Listo, Fr. 6.500; Ĉambro de Komerco de Chalons-sur-Marne, 50.

**Sumo, Fr. 6.550,—.**

---

## Garantia Kaso

KVINA LISTO

Transportita el la Kvara Listo, Fr. 137.600; *La Movado* (s-ro Houbart), 500; La Federacio de la Pariza Regiono, 2.000.

**Sumo, Fr. 140.100.**

---

# SEPA LISTO DE KONGRESANOJ

Kongres-numero

625. F-ino Käthe Brühl, Clemensstrasse 18, Trier, Germanujo.
626. H. Leroudier, place Croix-Luizet 2, Villeurbanne (Rhône), Francujo.
627. Lucien Lespicier, rue Jean-Louis, Villeneuve-Saint-Georges (S.-et-O.), Francujo.
628. Alph. Breuille (komercisto), rue de Belleville 151, Paris-XIX, Francujo.
629. Charles Lefèvre (industriisto), square Mérimé 9, Cannes (A.-M.), Francujo.
630. Martin Strümpfel, Lössnitz im Erzg., Sachsen, Germanujo.
631. Teo Jung (eldonisto-redaktoro), Brüsselerstrasse 94, Köln, Germanujo.
632. František Pytloun (fervojisto), Bakov nad Jizerou, Ĉeĥoslovakujo.
633. Hermann Assink (maŝin-inspektisto), Boschdijk 251 C, Eindhoven, Noord Brabant, Holando.
634. Henri Dubuisson (oficisto), rue Bellevue 18, Le Hâvre (S.-I.), Francujo.
635. F-ino Gertrui Bos, Raampoortsraat 27, Rotterdam, Holando.
636. René Mayet (oficisto), rue des Nuits 3, Lyon (Rhône), Francujo.
637. Ĵako Alhalel, rue de la Grotte 20, Paris-XV, Francujo.
638. S-ino Hedwig Hartos (instruistino), Hildesheimerstrasse 194/III, Hannover, Germanujo.
639. Prof. d-ro Odo Bujwid (universitata profesoro), Lubicz 34. Kraków, Polujo.
640. Tadeusz Hodakowski (universitata lektoro de Esperanto), Legjenów 17, Nowy Sacz, Polujo.
641. Henri Le Baccon (desegnisto), rue Falguière 17, Paris-XV, Francujo.
642. S-ino Eugénie Le Baccon, rue Falguière 17, Paris-XV, Francujo.
643. F-ino Yvonne Paulier (vendistino), rue des Martyrs 85, Paris, Francujo.
644. F-ino I. Astwood, Boythorpe Road 10, Chesterfield, Anglujo.
645. F-ino Winifred Ethel Culley (instruistino), Cliffsea Grove 11, Leigh-on-Sea, Essex, Anglujo.
646. F-ino Adeline Langstone (instruistino), Gaen Street 6, Barry, Glam., Kimrujo.
647. F-ino Edith Downes (instruistino), Robert Street 4, Barry, Glam., Kimrujo.
648. F-ino Kathleen Windsor (instruistino), Crossways 2, Barry, Glam., Kimrujo.
649. F-ino Ella B. Smith (lernejestrino), Porthkerry Road 61, Barry, Glam., Kimrujo.
650. F-ino Mary C. Groen (sekretariino), Hampton Road 20, Ilford, Essex, Anglujo.
651. John E. Dwyer (veturigisto), Seely Road 232, London, S. W. 17, Anglujo.
652. H. W. Watson, Dene Road 89, Headington, Oxford, Anglujo.
653. Jules Lhermitte (instruisto), rue de Lubeck 32, Paris-XVI, Francujo.
654. S-ino Anette Hug, rue Franchet d'Espérey, Oujda, (Maroc-Or.) Maroko.
655. Charles Le Seac'h (lernejestro), Pont l'Abbé Lambour, Finistère, Francujo.

656. Victor Godivier (poŝtoficisto), Grande rue des Charpennes 7, Villeurbanne (Rhône), Francujo.
657. S-ino Eléonore Godivier (poŝtoficistino), Grande rue des Charpennes 7, Villeurbanne (Rhône), Francujo.
658. August Weide (policano), Bethesdastrasse 17/II, Hamburg 25, Germanujo.
659. A. Petit, rue du Sahel 5, Paris-XII, Francujo.
660. J. J. Boutwood, Holland House, Laton Road, Hastings, Anglujo.
661. Cav. Umberto Segre, via T. Ivrea 7/13, Genova, Italujo.
662. Prof-ino Eugenia Segre, via T. Ivrea 7/13, Genova, Italujo.
663. F-ino Vittoria Segre, Corso Torino 53/10, Genova, Italujo.
664. Stanislav Moc, Malá Běla 50, p. Bakov n. J., Bohemujo, Ĉeĥoslovakujo.
665. S-ino Jeanne Favrel, rue Pierre Guérin 27, Paris-XVI, Francujo.
666. Emile Royer, rue Fouquet 10, Levallois-Perret (Seine), Francujo.
667. Vicente Alonso Sanz (militisto), Sanchez Bustillo 3-2°, Madrid, Hispanujo.
668. S-ino Josefa Bascones de Alonso, Sanchez Bustillo 3-2°, Madrid, Hispanujo.
669. S-ino Hildegard Stockhansen, Nachrodt bei Altena, Westfalen, Germanujo.
670. Johannes Karsch (oficejestro ŝtata), Dresdenerstr. 60, Lausa-Weixdorf bei Dresden, Germanujo.
671. S-ino Frieda Tschouitch, rue des Pénates 3, Genève, Svisujo.
672. Hans Jakob (direktoro de U. E. A.), rue des Pénates 3, Genève, Svisujo.
673. F-ino Yvonne Jakob, rue des Pénates, Genève, Svisujo.
674. Jean Duffaud (fervojisto), avenue de la 42e Division 62, Verdun s/Meuse, Francujo.
675. Paul Schneider, rue du Chemin de Fer, Soultz (Ht.-Rh.), Francujo.
676. S-ino Anna Schneider, rue du Chemin de Fer, Soultz (Ht.-Rh.), Francujo.
677. Felix-Marius Swinne, rue de Nieuwenhove 69, Uccle-Bruxelles, Belgujo.
678. S-ino Juliette E. E. Swinne, rue de Nieuwenhove 69, Uccle-Bruxelles, Belgujo.
679. Achilles De Maertelaer (artpentristo-skulptisto), Provenierssterstraat 25, Gent, Belgujo.
680. R. Clausse, rue Brochant 20, Paris-XVII, Francujo.
681. Leendert Ouwehoud (komercisto), Zwaer de Croonstraat 18 b, Rotterdam, Holando.
682. Meine Van Zinderen Bakker (ĉefinspektoro), Stadhouderslaan 51, Hilversum, Holando.
683. F-ino Margeretha J. H. Moora (instruistino), Stadhoudersplein 65, Den Haag, Holando.
684. F-ino Adriana B. W. Jonquière (instruistino), Frankenstraat 13, Den Haag, Holando.
685. S-ino Maria D. Leuning- Van Zinderen Bakker, Stadhouderslaan 51, Hilversum, Holando.
686. F-ino Maria König (maŝinskribistino), Hyacintenlaan 5, Hilversum, Holando.
687. F-ino A. H. E. Van Vliet (instruistino), Van Boetselaerstraat 45, Alphen a/d Rijn, Zuid-Holland, Holando.
688. F-ino Renée A. Sales (instruistino), Powis Square 46, London, W. 11, Anglujo.
689. Karl Göll (fervojisto), Bräuhausstrasse 1167, Bodenbach a/E., Ĉeĥoslovakujo.
690. Hermann Boos (fervoja oficisto), Othmarsingen, Aargau, Svisujo.
691. S-ino Rosa Gigandet, Blumensteinweg 24, Solothurn, Svisujo.
692. F-ino Cicely Leadley-Brown (advokatino), Egremont Promenade 21, Wallasey, Cheshire, Anglujo.
693. Jan De Lang (fervojisto), Assendorperdijk 26, Zwolle, Overijsel, Holando.
694. S-ino Anna Dittmar, Nauheimerstr. 45, Berlin-Wilmersdorf, Germanujo.
695. Delfi Dalmau (liceestro), Carrer de Valencia 243, Barcelona, Hispanujo.
696. S-ino Carme Argemi De Dalmau, Carrer de Valencia 243, Barcelona, Hispanujo.
597. John Denis O'Dell (farmaciisto), Ersham Road 37, Hailsham, Sussex. Anglujo.
698. S-ino Florence Mary O'Dell, Ersham Road 37, Hailsham, Sussex, Anglujo.
699. F-ino Celia O'Dell, Ersham Road 37, Hailsham, Sussex, Anglujo.
700. Hugo Gueppert, Bahnhofplatz 5, St.-Gallen, Svisujo.
701. Paul Nyssens, rue Froissart 129, Bruxelles, Belgujo.
702. F-ino Marguerite Nyssens, rue Froissart 129, Bruxelles, Belgujo.
703. Hans M. R. Roemer (studanto), Ahrstrasse 10, Blankenheim, Eifel, Rheinland, Germanujo.
704. Manuel Blasco Chico (muzikisto), Ave Maria 21, Gijon, Asturias, Hispanujo.
705. Paul Wiesse (magazenestro) Magdalenenstrassa 17, Leipzig N 21, Grrmanujo.
706. F-ino Aenni Hirsch (prokuristino), Rollnerstrasse 51/IV, Nürnberg, Bayern, Germanujo.
707. S-ino Maria Donker-Schiewink, Ceintuurbaan 188, Amsterdam, Holando.
708. Henrik Sierik Donker (poŝtoficisto), Ceintuurbaan 188, Amsterdam, Holando.
709. S-ino Anna D. W. Donker-Hemme, Ceintuurbaan 188, Amsterdam, Holando.
710. Hendericus Brink (inspektoro), Julianastraat 12, Alkmaar, Noord-Holland, Holando.
711. F-ino Elsa De Hartogh (komerca korespondistino), pl. Badlaan 8, Amsterdam C, Holando.

712. Herman Veenstra (oficisto), Laplacestraat 60, Amsterdam-O, Nd. Holland, Holando.
713. A. De Visser (kandidat-instruisto), Reeweg 30, Dordrecht, Zuid Holland, Holando.
714. W. C. De Visser (pentristo), Reeweg 30, Dordrecht, Zuid Holland, Holando.
715. F-ino Jeanne Le Boëdec (instruistino), place Félix-Faure 3, Nogent-sur-Marne (Seine), Francujo.
716. Marcel Bobin (inĝeniero), rue Vital 21, Paris-XVI, Francujo.
717. Sipke Stuit, poste restante, Bordeaux (Gironde), Francujo.
718. D-ro Paul Vital Badin, rue Alaxandre-Fourtanier 3, Toulouse (Haute-Garonne), Francujo.
719. F-ino Elise Legay (instruistino), rue de Lannoy 577, Roubaix (Nord), Francujo.
720. F-ino Jeannnette Elisabeth Krieger (instruistino), Charlotte de Bourbonstrasse 132, s'Gravenhage, Holando.
721. F-ino Nelly Kok (instruistino), Boergoensche Vliet 3 A, Rotterdam, Zuid-Holland, Holando.
722. F-ino Th. M. van Beek, Fred. Hendriklaan 38, s'Gravenhage, Zuid-Holland, Holando.
723. L. J. Kunnen, Zeilstraat 36, Amsterdam, Holando.
724. S-ino S. Kunnen-Suurd, Zeilstraat 36, Amsterdam, Holando.
725. L. Schreuder, Marktstraat 9, Almelo, Overijsel, Holando.
726. F-ino G. H. Benink (instruistino), Molenkamppark 8, Almelo, Overijsel, Holando.
727. F-ino Lies van der Kley, Ambtstraat 137, Almelo, Overijsel, Holando.
728. F-ino K. C. Wagenaar (instruistino), Ambtstraat 133, Almelo, Overijsel, Holando.
729. F-ino A. Wartena (instruistino), Boddenstraat 8, Almelo, Overijsel, Holando.
730. F-ino J. B. Seckel (instruistino), Poulinkstr. 60, Almelo, Overijsel, Holando.
731. F-ino Eleonora Bernard, (korespondistino), Vreewijkstraat 27, Leiden, Holando.
732. S-ino Hubertine v. d. Wielen, Groesbeeksche Weg 81, Nijmegen, Holando.
733. F-ino Maria J. A. C. Hamilton, Molenstraat 110 A, Nijmegen, Holando.
734. S-ino Lucie I. A. C. Hamilton, Molenstraat 110 A, Nijmegen, Holando.
735. F-ino Agatha Maria Wiersma, v/d Kooystraat 29, Leeuwarden, Friesland, Holando.
736. F-ino Lucie Tromp (kasistino), Willem-Lodewijkstraat II, Leeuwarden, Friesland, Holando.
737. Marcus van de Kreeke (impostoficisto), Zuiderstraat 9, Vreeswijk (Utrecht), Holando.
738. G. Barthet, rue de Phalsbourg 1, Paris-XVII, Francujo.
739. Alex. Brulé, faubourg St.-Denis 154, Paris-X, Francujo.
740. Marcel Louis Blanche (peltisto), Osny, (S.-et-O.), Francujo.
741. F-ino André Coolen, rue Edouard Deveaux 25 ter, St-Omer, (Pas-de-Calais), Francujo.
742. F-ino Marie Deligny, rue Allent 4, St-Omer (Pas-de-Calais), Francujo.
743. David Ritchie Tullo (solicitoro), St. Andrew square 34, Edinburgh, Skotlando.
744. F-ino L. Madge Brown, (instruistino), Colinton Grove 4, Edinbourgh II, Skotlando.
745. P. Couffinhal (lernejestro), bd. des Muriers, Relizane, Oran, Algerio.
746. S-ino Marthe Aguettant-Royer, rue des Carmes 14, Paris-V, Francujo.
747. D-ro Ernst Meyer (nerva-kuracisto), Dudweilerstrasse 9, Saarbrücken, Saar-teritorio.
748. F-ino Agnes G. Macfarlane, Dumbarton Road 314, Glasgow W. 1, Skotlando.
749. S-ino Lucy Benoist, Châlet Heurtebise, Merfy (Marne), Francujo.
750. S-ino Vidal, rue Amelot 19, Paris, Francujo.
751. Oscar Geisler (oficisto), Schaiba bei Haida 102, Bohemio, Ĉeĥoslovakujo.
752. F-ino Marguerite Claeyssens, boulevard des Martyrs 50, Gand, Belgujo.
753. S-ino Angèle Gruslet, rue de Blankenberghe 12, Gand, Belgujo.
754. Francisko Kavan (komercisto), Klatovská 57, Plzen, Ĉeĥoslovakujo.
755. Hyman Harris Dembovitz (kasisto), avenue Jules Ferry 4, Malakoff, (Seine), Francujo.
756. F-ino Charlotte Mielau (instruistino), Eythstr. 186, Köln-Kalk, Rheinland, Germanujo.
757. Wilhelm Wingen, Krefelderwal 39, Köln, Germanujo.
758. Alec Venture (oficisto), Hawkes Road 42, Mitcham, Surrey, Anglujo.
759. Association Amicale des Directeurs Commerciaux de France, rue de l'Isly 6, Paris-VIII, Francujo.
760. Mojsiej Suckiewer (inĝeniero elektroteknika), rue aux Namps 8, Caen (Calvados), Francujo.
761. János Szerémi (teknika desegnisto), Zeleznik, Slovensko, Ĉeĥoslovakujo.
762. S-ino Olga Szerémi, Zeleznik, Slovensko, Ĉeĥoslovakujo.
763. Newach Fpsztejn (laboristo), rue de la Petite-Pierre 8, Paris, Francujo.
764. F-ino Germaine Lesieur (maŝinskribistino), rue de la Tour-d'Auvergne 6, Paris-IX, Francujo.
765. S-ino Berta Zeltovitch, rue Lamblardie 18, Paris-XII, Francujo.
766. René de Lajarte, Villa d'Orléans 4, Fontenay-sous-Bois (Seine), Francujo.

767. S-ino Charlotte STEGENWALNER, Menckestr. 14, Leipzig N. 22, Germanujo.

768. René LIECH-WALTER (kontisto), cours Lazare Escarguel 11, Perpignan, (Pyrénées-Orientales), Francujo.

769. R. W. F. KYFTENBELT (pastro), Hôtel Lesdiguières, Grenoble (Isère), Francujo.

770. F-ino Else THAM (instruistino), Hauptstr. 30, Hohenelbe, Ĉeĥoslovakujo.

771. Maurice LAPERAS, rue Montmailler 18, Limoges (Haute-Vienne), Francujo.

772. F-ino Emilie BUCHTY (instruistino), Frankenstr. 16, Aachen, Germanujo.

773. Johano ROUQUIÉ (instruisto), Carsac-de-Carlux (Dordogne), Francujo.

774. Louis TAULIN (negocisto), rue de Nemours 7, Paris, Francujo.

775. Prof. René Maurice FRECHET, square Desnouettes 12, Paris-XV, Francujo.

776. Alle OLSSON (studanto), Eriksgatan 9, Höör, Skane, Svedujo.

777. Maurice CHABROL, rue de Sèze 10, Paris-IX, Francujo.

778. Marien TARAVANT (komerca oficisto), rue Française 7, Paris, Francujo.

779. Einar Wilhelm Robert DAHL (instruisto), Nybrogatan 38, Falun, Svedujo.

780. S-ino Gertrud Maria DAHL, Nybrogatan 38, Falun, Svedujo.

781. S-ino Lilly HARALDSON-HAGBERG, Fredsgatan 3, Nynäshamn, Svedujo.

782. Emile Jean CUOMO (vinberkulturisto), rue Kléber 19, Philippeville (Constantine), Alĝerio.

783. F-ino Germaine VIVIEN (maŝinskribistino), rue Hoche 129, Le Mans (Sarthe), Francujo.

784. F-ino Else LEONARDY, Nauwieserstrasse 84, Saarbrücken, Saarteritorio.

785. Klement URBAN (instruisto), Ječná 26, Praha-II, Ĉeĥoslovakujo.

786. F-ino Barbara HENDERSON (instruistino), Dudley Gardens 42, Leith, Skotlando.

787. F-ino Jane BAIRD (instruistino), Bellevue Road 95, Edinburgh, Skotlando.

788. S-ino Frieda BOETTCHER, Damaschkestrasse 11, Habelschwerdt, Schlesien, Germanujo.

789. Robert DERBÈS, rue Thieulent 13, Le Havre (Seine-Inférieure), Francujo.

790. S-ino G. DEBROUWERE-BOUDENS, Marckesteenweg 18, Kortrijk, Belgujo.

791. S-ino G. DE BOES, Wijnstraat 81, Ronse, Belgujo.

792. S-ino Louise MENNIER, boulevard de Rocca 4, Mâcon (Saône-et-Loire), Francujo.

793. S-ino PETER, boulevard Péreire 75, Paris-XVII, Francujo.

794. F-ino Jeanne PETER, boulevard Péreire 75, Paris-XVII, Francujo.

795. F-ino Marguerite HORNÉ (oficistino), rue de l'Arquebuse 8, Auxerre (Yonne), Francujo.

796. Josef VAVROVSKY (ĝendarma ĉefserĝento), rue de la Grande-Truanderie 18, Paris-I, Francujo.

797. D-ro René ARTIGUES (kuracisto), rue de Courcelles 142, Paris-XVII, Francujo.

798. F-ino W. WARTENA, Diepenveenscheweg 117, Deventer, Overijsel, Holando.

799. C. C. GOLDSMITH, Crowlands Avenue 33, Romford, Essex, Anglujo.

800. F-ino E. C. GOLDSMITH, Crowlands Avenue 33, Romford, Essex, Anglujo.

801. Mark DU MERTON (ŝtatoficisto), Derwent Road 49, London, N. 13, Anglujo.

802. William Henry HIRST (vendisto), Byram Street 18, Huddersfield, Yorkshire, Anglujo.

803. F-ino Christiana THOMPSON (instruistino), Ambleside Drive 49, Southend-on-Sea, Essex, Anglujo.

804. F-ino Edith M. B. THOMPSON (instruistino), Ambleside Drive 49, Southend-on-Sea, Essex, Anglujo.

805. Joseph Frederick YEOMANS (urbkonsilanto), Oxford Street 115, Barrow-in-Furness, Lancashire, Anglujo.

806. David GILMORE (fervojisto), Senhouse Street 132, Workington, Cumberland, Anglujo.

807. F-ino Mabel DICKSON (domestrino), Torrington Road 106, Portsmouth, Hampshire, Anglujo.

808. Edgar A. HAWKINS, Margravine Gdns 6, London W 6, Anglujo.

809. F-ino Emily A. JONES, Knights Park 17, Kingston-on-Thames, Surrey, Anglujo.

810. S-ino PIERPOINT, Bibby Road 40, Southport, Lancs, Anglujo.

811. Alex PATTERSON, Robertson Drive 12, Bellshill, Lanarkshire, Skotlando.

812. F-ino Catherine WILKINSON, Beedell Avenue 15, Westcliff-on-Sea, Essex, Anglujo.

813. Emile P. V. GASSE (importisto), place Gambetta 15, Le Havre (S.-Inf.), Francujo.

814. Esperantista Grupo de LE HAVRE, ĉe s-ro GASSE, place Gambetta 15, Le Havre (Seine-Inférieure), Francujo.

815. Esperantista Grupo de LE HAVRE, ĉe s-ro GASSE, place Gambetta 15, Le Havre (Seine-Inférieure), Francnjo.

816. Esperantista Grupo de LE HAVRE, ĉe s-ro GASSE, place Gambetta 15, Le Havre (Seine-Inférieure), Francujo.

817. F-ino Willy van ZOEST (oficistino), Dullertstraat 4, Arnhem, Gelderland, Holando.

818. F-ino S. HEERE, Blauburgwal 14, Amsterdam, Holando.

819. F-ino Johanna LE RÜTTE (instruistino), Nassauplein 5, Groningen, Holando.

820. Johan W. LOEF-SCHUPHOVEN (urba oficisto), Engelsweg 3, Winschoten (Groningen), Holando.

821. B. B. DE REGT (inĝeniero), Witte de Withstraat 89 A, Rotterdam, Holando.
822. F-ino Margaretha van der LAND (instruistino), Frederikstraat 46, Groningen, Holando.
823. F-ino Tiny DE VRIES (instruistino), Voorhaven 43, Rotterdam, Holando.
824. Albertus Cornelis van INGEN (instruisto), Craandijkstraat 3 E, Rotterdam, Holando.
825. F-ino J. J. P. L. den HOLLANDER (instruistino), Pontanus Laan 52, Arnhem, Gelderland, Holando.
826. F-ino J. REGT (instruistino), Putsche Laan 158, Rotterdam, Holando.
827. Christiaan KROMZIEK (oficisto), Putsche Bocht 24 C, Rotterdam, Holando.
828. F-ino Cornelia Maria PEETERS, Spoorstraat 12, Nijmegen, Holando.
829. F-ino N. L. DAAMS, Multatuli laan 11, Hilversum, Holando.
830. S-ino H. PETIAN, boulevard Saint-Liévin 60, Gand, Belgujo.
831. Arpád LÖDÖR (juvelisto), Bandeloo 7, Gand, Belgujo.
832. Odön LÖDÖR (elektristo), Bandeloo 7, Gand, Belgujo.
833. Jan H. BLEKKINGH (instruisto), Bleeklaan 116, Leeuwarden, Holando.
834. S-ino Wietske BLEKKINGH, Bleeklaan 116, Leeuwarden, Holando.
835. Jean PAULIN (lernejano), Collège de la Mure (Isère), Francujo.
836. Paul EYMERY (lernejano), Collège de la Mure (Isère), Francujo.
837. Alfred MICHAUX (advokato), rue Faidherbe 152, Boulogne-sur-Mer (Pas-de-Calais), Francujo.
838. Cornelis Marius HAMAKER (kolonia kulturisto), Ceintuurbaan 7, Hilversum, Holando.
839. Gösta A. E. BENGTSSON, Stenkvistavägen 32, Eskilstuna, Södermanland, Svedujo.
840. S-ino Elisabeth ITK, ĉe s-ino Faure, avenue des Bosquets 13, Genève, Svisujo.
841. Jean FETHKE-FORGE (verkisto), ul. Petersona 12 m. 2, Bydgoszcz, Polujo.
842. Michał CHMIELINSKI (inĝeniero-ŝtatoficisto), Dyrekcja Robót Publicznych, Nowogródek, Polujo.
843. SUD-PARIZA SEKCIO de Pariza Esperantista Grupo, ĉe s-ro Ménoret, rue de Coulmiers 33, Paris-XIV, Francujo.
844. F-ino Alfhild SVEDMARK, Fridhemsgatan 2, Stockholm, Svedujo.
845. Tore Hj. HALLERSTRÖM, Fabriken, Högsjö, Svedujo.
846. Georges RUMY, rue de Neuilly 11, Rosny-sous-Bois (Seine), Francujo.
847. F-ino Eva CZEIKA, Kulmerstr. 81, Turn-Teplitz-Schönau, Ĉeĥoslovakujo.
848. S-ino Alick CZEIKA, Kulmerstr. 81, Turn-Teplitz-Schönau, Ĉeĥoslovakujo.
849. Alexander WEBER, Rotdornweg 61, Köln-Bickendorf, Germanujo.
850. Francisque VÉROT, rue des Villas, Saint-Etienne (Loire), Francujo.
851. August OMLOR (distrikta prokuroro), Beethovenstrasse 24, St-Ingbert, Saar-Teritorio.
852. Joan FONT GIRALT (sacerdoto-profesoro), Collel, Gerona, Hispanujo.
853. SEKCIO DE GEOFICISTOJ DE LA SOCIETO « ESPERANTO ET COMMERCE », rue Notre-Dame-des-Victoires 23, Paris-II, Francujo.
854. F-ino Laure ROTY (instruistino), Ecole Paul-Bert de filles, Fécamp (S.-Inf.), Francujo.
855. Emile FRANÇOIS (inĝeniero), allée du Rond-Point 1, Orly (Seine), Francujo.
856. Michel BEIGUEL (makleristo), rue Clignancourt 106, Paris, Francujo.
857. S-ino Clara STRÜMPFEL, Lössnitz im Erzg., Sachsen, Germanujo.
858. F-ino Helmi JOSEFSON, Agnegatan 40/III, Stockholm, Svedujo.
859. Joseph PROUZAT (ĝardenisto), rue de Belleville 23, Villefranche-sur-Saône (Rhône), Francujo.
860. F-ino Marie MONSINJON (eks-instruistino), avenue de la Gare 37, Cosne-sur-Loire (Nièvre), Francujo.
861. Joseph BOUGE (farmaciisto), Grasse (A.-M.), Francujo.
862. S-ino LIECH-WALTER (pianistino-instruistino), cours Lazare-Escarguel, Perpignan (Pyrénées-Orientales), Francujo.
863. Juozas LUGANSKAS (ĥemiisto kaj apotekisto), Daugirdo G. 2, C. 4, Kaunas, Litovujo.
864. André MOUSSIER (lignokomercisto), rue d'Avignon 160, Vienne (Isère), Francujo.
865. S-ino A. MOUSSIER, rue d'Avignon 160, Vienne (Isère), Francujo.
866. S-ino Mary CRAPPER, Linksfield 96, Tayport, Fife, Skotlando.
867. George W. HARE (inspektoro de impostoj), Dalkeith Road 96, Edinburgh, Skotlando.
868. S-ino Christine BRANDT, Marktstr. 230, Krefeld, Germanujo.
869. Albert SCHÜREN (muzikinstruisto), Neue Linnerstr. 43a, Krefeld, Germanujo.
870. Georges MASIER (muzikinstruisto), Bar-les-Choux, Tours (I.-et-L.), Francujo.
871. Eugène BARRIER (muzikisto), rue Nicolas-Charlet 1, Paris, Francujo.
872. S-ino Pauline BARRIER, rue Nicolas-Charlet 1, Paris, Francujo.
873. François MAYER, rue St-Germain 39, Argenteuil (S.-et-O.), Francujo.
874. Jacques MAYER (agordisto), rue St-Germain 39, Argenteuil (S.-et-O.), Francujo.
875. Henri BOUQUIN, rue Fénelon 29, St-André (Nord), Francujo.

876. Etienne Bouquin (lernanto), rue Fénelon 29, St-André (Nord), Francujo.
877. F-ino Agnes E. Melchior (instruistino por blinduloj), Det Kgl. Blindeinstitut, Kalundborg, Danujo.
878. F-ino Anna V. K. Petersen (ekspedistino), Guldbergsgade 20/5, Köbnhavn, Danujo.
879. S-ino Louise Müller, Hofackerstr. 74, Zürich, Svisujo.
880. Arnold Schweizer (ĥemiisto), Landenbergstrasse 11, Zürich, Svisujo.
881. Walter Bachmann (sekretario), Ostbühlstrasse 77, Zürich, Svisujo.
882. F-ino Elsa Bachmann (instruistino), Ostbühlstrasse 77, Zürich, Svisujo.
883. Heinrich Ackermann (fervojisto), Schweicheln, Westfalen, Germanujo.
884. Jean-Baptiste Robin (teknika studestro), rue Blanqui, 14, Sotteville-lès-Rouen (Seine-Inférieure), Francujo.
885. Gösta Aström (instruisto), Mellersta skolan, Gävle 2, Gästrikland, Svedujo.
886. F-ino Klara Räz (oficistino), Neufeldstr. 13, Bern, Svisujo.
887. Krišjánis Strazds (posedanto de lanteksejo), Ganibu iela I, Jelgava, Zemgalio, Latvujo.
888. S-ino Klaudine Indra, Pasta kaste 475, Riga, Latvujo.
889. Francisco Azorin (arkitekto), Claudis Marcelo, Cordobá, Hispanujo.
890. F-ino Helene M. Renken (instruistino), Petrus Campersingel 169 a, Groningen, Holando.
891. F-ino Tiny Putto (instruistino), Sweerts de Landasstraat 63, Arnhem, Holando.
892. F-ino Annie Hellinx, van Oldenbarneveltlaan 25, Hilversum, Holando.
893. F-ino Elisabeth J. Steinmeijer, Boomberglaan 15 a, Hilversum, Holando.
894. F-ino Grada B. Hüsken, Taludweg 7, Hilversum, Holando.
895. F-ino Geertruida H. Zonnevylle (instruistino), Korreweg 101 a, Groningen, Holando.
896. F-ino A. P. S. Brill, Adorp (Groningen), Holando.
897. F-ino Henderika Leemhuis (instruistino), Markt 13, Doettinchem, Holando.
898. Albert Kuiper (reklampentristo), Joubertstraat 19, Leeuwarden, Holando.
899. Wilhelm Gombault (studento), Franekerstraat 39, Leeuwarden (Holando).
900. F-ino Sophia D. Mannoury (instruistino), Amstelveensche weg 56 c, Amsterdam-Z, Holando.
901. Stanley Housley (ĥemiisto), Fearon Road 37, Portsmouth N. E., Hants., Anglujo.
902. F-ino Gwendolen A. Farnsworth (instruistino), Farm Lane, Corbriggs, Grassmoor near Chesterfield, Derbys., Anglujo.
903. F-ino Ella R. Mitchell, Somerfield Terrace 8, Maidstone, Kent, Anglujo.
904. Edwin H. Kersley (pastro), Lower Park Road 37, Hastings, Anglujo.
905. S-ino E. H. Kersley, Lower Park Road 37, Hastings, Anglujo.
906. F-ino Mair Jones, Bryn Cerdd, Seven Sisters, Neath, Glam., Kimrujo.
907. George Bury (horloĝisto), Stanley Park Ave S. 254, Liverpool, Anglujo.
908. S-ino Lucie Bury, Stanley Park Ave S. 254, Liverpool, Anglujo.
909. F-ino Eva Housley (stenografistino), Thimblemill Road 198, Smethwick, Staffs., Anglujo.
910. Cyril L. Hinton (ĥemiisto), Youngs Rise 4, Welwyn Garden City, Herts., Anglujo.
911. Gaston Péron (dentisto), rue de l'Université 40, Paris-VII, Francujo.
912. S-ino Geneviève Marchand (ŝtatoficistino), avenue de Verdun 49, Issy (Seine), Francujo.
913. D-ro Pietro Torta (inĝeniero), S. Marco 3358, Venezia, Italujo.
914. Jeguda Kaczka (inĝeniero), rue Charlot 65, Paris-III, Francujo.
915. Jakob Schenkel (desegnisto), Am Ziegelhof 12, Krughütte, Saar-Teritorio.
916. Ernst Schilz (komercisto), Friedrichstr. 14, Krughütte, Saar-Teritorio.
917. F-ino Dora Lendel, Spandauerstr. 13, Potsdam, Germanujo.
918. Georges Moignet (meĥanikisto), rue Collange 3, Levallois-Perret (Seine), Francujo.
919. Jean Julia (butikestro), boulevard St-Roch, Céret (Pyr.-Or.), Francujo.
920. S-ino Thérèse Julia (butikestrino), boulevard St-Roch, Céret (Pyr.-Or.), Francujo.
921. S-ino L. Wingen, Krefelderwall 39, Köln, Germanujo.
922. F-ino C. Hendriex (instruistino), rue du Saumon 43, Gand, Belgujo.
923. F-ino J. Nachtegalle (instruistino), rue aux Ruines 56, Gand, Belgujo.
924. Pons Funel (eks-instruisto), Andon (A.-M.), Francujo.
925. F-ino Wiep Stegeman (kudristino), Zon en Maanstraat 8, Hilversum, Holando.
926. F-ino Gunda Grünbauer (infanflegistino), Guntherstr. 45, Nürnberg, Germanujo.
927. Albert Esselin (honora prefekteja konsilisto), place Vintimille 10, Paris-IX, Francujo.
928. Jean Delor, E. P. S., Rampe Vallée, Alger, Alĝerio.
929. Nikolao Horosko, Löblichg. 3, Wien-IX, Aŭstrujo.
930. Arnold Bloemendal (dentisto), Binnensingel 6, Deventer, Holando.
931. S-ino E. P. J. C. H. Bloemendal-Wisse (dentistino), Binnensingel 6, Deventer, Holando.
932. F-ino J. D. Dufrenne, Overtoom 174/I, Amsterdam W., Holando.

933. J. B. DUFRENNE (supera poŝtoficisto), Overtoom 174/I, Amsterdam-W., Holando.
934. F-ino M. C. J. GEUS, Verkorteweg 20, Leeuwarden, Holando.
935. Teunis BRANDWIJK (librotenisto), Zuiderstraat 10, Vreeswijk, Holando.
936. Arie A. BUNK, Resedastraat 51, Den Haag, Holando.
937. S-ino Christine H. BUNK-LEGREN, Resedastraat 51, Den Haag, Holando.
938. Marcel J. B. HURBOURQUE (instruisto), École de garçons du Bois-St-Denis, Tremblay-lès-Gonesse (Seine-et-Oise), Francujo.
939. Robert STRASSER (korespondisto), rue du Tunnel 4, Mulhouse-Dornach (Ht-Rhin), Francujo.
940. Ernst SCHNEIDER (oficisto), rue du Bourg 16, Mulhouse (Haut-Rhin), Francujo.
941. S-ino Netta AGACHE, rue Eugène-Flachat 11, Paris-XVII, Francujo.
942. F-ino Jane BLONDEAU, rue Bauchereau 11 bis, Tours (I.-et-L.), Francujo.
943. S-ino LE BRUN, Parliament Hill Mansions 5, Highgate Road, London N. W. 5, Anglujo.
944. F-ino Else WAHL (oficistino), Hammerstadgate 16, Oslo, Norvegujo.
945. O. BROCHMANN-SLETTERÖD (inĝeniero), Trollsvingen 5, Ulleval, Haveby, Oslo, Norvegujo.
946. S-ino Aagot SLETTERÖD, Trollsvingen 5, Ulleval, Haveby, Oslo, Norvegujo.
947. F-ino Esther NILSEN (oficistino), Munkedamsveien 1, Oslo, Norvegujo.
948. F-ino Antoine WALLE (instruistino), Trydenlundsgate 19, Oslo, Norvegujo.
949. F-ino Rosa BYE (instruistino), Wm. Thranesgate 61, Oslo, Norvegujo.
950. F-ino Anahide NERCESSIAN (sekretariino), avenue Marc-Monnier 7, Genève, Svisujo.
951. Lucjano KUKULKA (pastro), Cieszkowskiego 12, Bydgoszcz, Polujo.
952. F-ino Marguerite LAVIGNE (stenografistino-kontistino), rue des Cordeliers, Grasse (Alpes-Maritimes), Francujo.
953. S-ino Marguerite SOULAT-D'HARDIVILLIER, rue de la Corderie 20, Paris-X, Francujo.
954. F-ino Solange-Renée LABBÉ-PERRIN, rue de l'Echiquier 34, Paris, Francujo.
955. F-ino Gabrielle GÉRARD (dekoraciistino), rue d'Armaillé 9, Paris-XVII, Francujo.
956. Marcel DÉNY (ŝlosil-fabrikisto), rue de l'Arc-de-Triomphe 21, Paris-XVII, Francujo.
957. Louis-Léopold LÉTANG (kestfabrikisto), rue de Bellevue 49, Boulogne-Billancourt (Seine), Francujo.
958. S-ino Jeanne VOILLEMIER, rue Madame 57, Paris-VI, Francujo.
959. Francisco SERRANO-OLMO (reprezentanto), rue Aumaire 21, Paris-III, Francujo.
960. Johannis-Valentyn HOLLEMAN (fervojisto), Halsterscheweg 53, Bergen op Zoom, Holando.
961. F-ino Ruth VOGELI, Tavelweg 37, Bern, Svisujo.
962. F-ino Eva VOGELI, Tavelweg 37, Bern, Svisujo.
963. Gabriel DESRAY (oficisto de notario), rue d'Arras 4, Paris-V, Francujo.
964. S-ino Claudine BOURDELON, chemin de Montredon 108, Marseille (B.-du-R.), Francujo.
965. Paul ULINE (arkitekto), rue Victor-Hugo 16, Vienne (Isère), Francujo.
966. S-ino ULINE, rue Victor-Hugo 16, Vienne (Isère), Francujo.
967. Paul-Eugène LHEUREUX (kontregistristo), rue de Pont-à-Mousson 159, Montigny-lès-Metz (Moselle), Francujo.
968. François LANGERY (kemiisto), Parfumerie Chiris, Grasse (A.-M.), Francujo.
969. Joseph HÉRION, rue des Raines 8, Verviers, Belgujo.
970. S-ino Andrée HÉRION, rue des Raines 8, Verviers (Belgujo).
971. F-ino Germaine ROOST, Longue rue d'Argile 14, Anvers, Belgujo.
972. Johannes JUNGFER (ŝtat-oficisto), Lindenstrasse 10, Lübben (Spreewald), Brandenburg, Germanujo.
973. Emil PIETZSCHMANN (fervojoficisto), Grillenburgerstrasse 6, Dresden, Germanujo.
974. F-ino Margarete PIETZSCHMANN (kontoristino), Grillenburgerstrasse 6, Dresden, Germanujo.
975. Henri GAUTIER (veterinaro), rue de Grenelle 39, Paris-VII, Francujo.
976. F-ino Jeanne AMYOT (dentistino), rue d'Amsterdam 78, Paris-IX, Francujo.
977. F-ino Brita TJUGUM (instruistino), Theresgate 3, Opg. B., Oslo, Norvegujo.
978. F-ino Alice HOLT, Fairfield Ave 45, Waterfoot, Manchester, Anglujo.
979. B. A. E. EVANS, Church Street, St. Ebbes, Oxford, Anglujo.
980. V. V. SUMFIELD, Hartfield Road 29, Eastbourne, Sussex, Anglujo.
981. S-ino V. V. SUMFIELD, Hartfield Road 29, Eastbourne, Sussex, Anglujo.
982. F-ino Ida Muriel DANKS, Moyser Road 3, Streatham, London, S. W. 16, Anglujo.
983. Edgar de KNEVETT, St-Martins avenue 23, Epsom, Surrey, Anglujo.
984. S-ino de KNEVETT, St-Martins avenue 23, Epsom, Surrey, Anglujo.
985. L. P. GRIFFITHS, Carter Street 39, Uttoxeter, Staffs., Anglujo.
986. Edwin Walter AMOS (asekura komizo), Rainham Road 48, Romford, Essex, Anglujo.
987. Charles A. BAKER (inĝeniero), Dellcott Close 12, Welwyn Garden City, Herts., Anglujo.

988. John T. WALMSLEY, Rupert Street 53, Bradford, Yorkshire, Anglujo.

989. F-ino Mabel QUEMBY (maŝinskribistino), Carrington Street 43, Bradford, Yorkshire, Anglujo.

990. F-ino Gladys PARKER (maŝinskribistino-korespondantino), Wellington Crescent 25, Shipley, Yorkshire, Anglujo.

991. Alberto DIAZ, Manuel Allende 12-4°, Bilbao, Hispanujo.

992. F-ino Andrée-Gabrielle HANOTELLE (sekretariino), rue Monge 14, Paris-V, Francujo.

993. F-ino Lucie NORTH, rue des Forgerons 11, Dettviller près Saverne (Bas-Rhin), Francujo.

994. Jean NORTH (notario), Hochfelden (Bas-Rhin), Francujo.

995. F-ino Adeline BROOKFIELD (sekretariino), Twisden Road 15, London N. 5, Anglujo.

996. Arthur Charles OLIVER (komerc-statistikisto), Clarence Road, Wood Green, London, N. 22, Anglujo.

997. Joseph SCHWARCZ (distilisto), rue des Carrières 86, Charenton (Seine), Francujo.

998. NUIDAN, Savigny-lès-Beaune (Côte-d'Or), Francujo.

999. S-ino NUIDAN, Savigny-lès-Beaune (Côte-d'Or), Francujo.

1000. Roger ODINOT (inĝeniero-desegnisto), rue Lequesne 46, Nogent-sur-Marne (Seine), Francujo.

1001. F-ino Dagmar WENDACH, rue Picot 8, Paris-XVI, (Francujo).

1002. Henri LAHENS (publicisto), place d'Anvers 2, Paris-IX, Francujo.

1003. Julienne COLLÉATTE (instruistino), rue Le Mongnier 17, Amiens, (Somme), Francujo.

1004. Eusèbe LAPINÉ, avenue Jean-Jaurès 19, Moret-sur-Loing, (S.-et-M.), Francujo.

1005. F-ino Dorothy WEIGHTMAN (teksistino), Hall Road East, Gorsefield, Blundellsands, Liverpool, Lancs., Anglujo.

1006. D-ino Paulina MUSZKATBLAT, Krochmalna 15, Warszawa, (Polujo).

1007. F-ino Jeanne CRISINEL (kudristino), rue Numa Droz 91, Chaux-de-Fonds (Neufchâtel), Svisujo.

1008. Herbert HAMMER (bindisto), Fröbelstrasse 15, Zürich-I, Svisujo.

1009. Hilbert HANSSON (fervojisto), Savstaholmsgatan 21, Malmö, Skane, Svedujo.

1010. S-ino Clary HANSSON, Savstaholmsgatan 21, Malmö, Skane, Svedujo.

1011. Andries LODEMA (ŝtatoficisto), Kalverstraat 12, Anvers-Dam, Belgujo.

1012. Albert DAUPHIN (administranto de la Esperantista Centra Librejo), rue de Sèvres 11, Paris-VI, Francujo.

1013. S-ino Jeanne ROUSSEAU, rue Alfred de Vigny 2, Courbevoie (Seine), Francujo.

1014. S-ino Gabrielle DROBECQ, rue Alfred de Vigny 2, Courbevoie (Seine), Francujo.

1015. Arthur KEHE, Paradiesstrasse 15, St-Gallen, Svisujo.

1016. Georges POUCHOT (instruisto), rue de la Martinière 7, Lyon-I, Francujo.

1017. Pierre POUCHOT (industria desegnisto), rue de la Martinière 7, Lyon-I, Francujo.

1018. S-ino Magdeleine POUCHOT, rue de la Martinière 7, Lyon-I, Francujo.

1019. Jules CHAUFOUR, rue Jean-Jaurès 1, Lons-le-Saunier (Jura), Francujo.

1020. Johan Herman OTERDOOM (protestanta pastro), Rauwerd, Friesland, Holando.

1021. S-ino Petronella OTERDOOM-KOERTS, Rauwerd, Friesland, Holando.

1022. F-ino Maria FACHINGER (librotenistino), Neusserstr. 517, Köln, Germanujo.

1023. F-ino Maria MANGADA SANZ (pianstudantino), Paseo de Ramon y Casal (kaserno de la 1-a regimento de infanterio), Madrid, Hispanujo.

1024. F-ino Irena SZCZEPANSKA (verkistino), Radziwillowska 23, Kraków, Polujo.

1025. S-ino Yvonne JACCARD, Wyedenstrasse 4, Zürich-IV, Svisujo.

1026. Marcel JACCARD (kemiisto), Wyedenstrasse 4, Zürich-IV, Svisujo.

1027. Carl BARTHEL, Wöhlerstrasse 14/II, Frankfurt a/M., Germanujo.

1028. F-ino C. F. TAYLOR (instruistino), boulevard de Courcelles 51, Paris-VIII, Francujo.

1029. Louis TOUCHARD, rue de l'Ave Maria 18, Paris-IV, Francujo.

1030. S-ino Marguerite TOUCHARD, rue de l'Ave Maria 18, Paris-IV, Francujo.

1031. S-ino Yvonne MARTY, avenue des Écoles 14, Villejuif (Seine), Francujo.

1032. S-ino Marcelle BASTOUL, Château de la Guilbarderie, Autry-le-Châtel, (Loiret), Francujo.

1033. Franz HUB, Gablonz a. N., Ĉeĥoslovakujo.

1934. S-ino Antoinette HERMAN (ĉapelistino), rue Richer 44, Paris-IX, Francujo.

1035. August Léon RICHIER (oficisto), allée des Citeaux 1, Issy-les-Moulineaux (Seine), Francujo.

1036. F-ino Margaret SCOTT, Wilbury Crest, Letchworth, Anglujo.

1037. F-ino Dorothka SCOTT, Wilbury Crest, Letchworth, Anglujo.

1038. F-ino Elly KROPVELD (instruistino), Eyklaan 9, Rijswijk, (L. H.), Holando.

1039. F-ino Ottoline van der VIES, Zoutmandstrat 63 b. Den Haag, Holando.

1040. S-ino Suzanne DEJEAN, cours Jean-Jaurès 289, Grenoble (Isère), Francujo.

1041. F-ino Frida PERSSON (instruistino), Inglatorp, Torskors (Blekingen), Svedujo.

1042. Gaetano Facchi (instruisto-sekretario), Corso Vittorio Emanuele 64, Brescia, Italujo.
1043. D-ro Robert Fulda, avenue du Léman 4, Lausanne, Svisujo.
1044. Julio Mangada-Rosenörn (leŭtenant-kolonelo), paseo de Ramon y Cajal (kazerno de la I-a Regimento de Infanterio), Madrid, Hispanujo.
1045. Emile Houbart (publicisto), boulevard St-Marcel 61, Paris, Francujo.
1046. F-ino Marie L. Castel, rue Jacques-Laffitte 22, Toulouse (H.-G.), Francujo.
1047. Basile Ivan Koubassov (juristo kaj ekonomiisto), rue Chaptal 31, Levallois-Perret (Seine), Francujo.
1048. Henri Aube (tornisto), sentier de la Croix, Malakoff (Seine), Francujo.
1049. F-ino Alice van Ganse, Zurenborgstraat 1, Antwerpen (Belgujo).
1050. S-ino Jenny van Rysselberghe (organistino-komponistino), Drève 52, Ninove, Belgujo.
1051. F-ino Suzanne Guiot (lernantino), Drève 52, Ninove, Belgujo.
1052. Léon Barnier (inĝeniero), rue Haute-Seille 50, Metz (Moselle), Francujo.
1053. S-ino Suzanne Gaveau, rue Klock 23, Clichy (Seine), Francujo.
1054. Otto Paul Krüger, Tellstrasse 19, Saint-Gallen, Svisujo.
1055. Wilhelm Thelen, Rheinland Colleg, Monschau, Germanujo.
1056. P. Humberset (instruisto), La Jaluse 8, Le Locle, Svisujo.
1057. S-ino Octavie Brossier, rue du Docteur-Heulin 25, Paris-XVII, Francujo.
1058. F-ino Irma van Ganse, Zurenborgstraat 1, Antwerpen, Belgujo.
1059. F-ino Elvire van Ganse, Karel Geert's straat 47, Borgerhout-Antwerpen, Belgujo.
1060. F-ino Ch. van der Hor, Zuider Amstellaan 168/III, Amsterdam-Zuid, Holando.
1061. Christiaan M. Op't Roodt (komerckontoristo), Puteanusstraat 54, Venlo, Limburg, Holando.
1062. F-ino A. Wallien, Van Oldenbarneveltplein 13 hs., Amsterdam-W., Holando.
1063. F-ino Frowina Johanna Eldering (eksinstruistino), Roelof Hartplein 4, Amsterdam-Z., Holando.
1064. F-ino A. P. de Visser, Reeweg 30, Dordrecht, Holando.
1065. S-ino M. E. Schmidt-Groh, Zeilstraat 3, Amsterdam-Z., Holando.
1066. F-ino Annie A. Drent (arkivistino), van der Kooystraat 27, Leeuwarden, Friesland, Holando.
1067. Rudolf Zamaška (oficisto), Masaryková 87, Koptivnice, Ĉehoslovakujo.
1068. André Droste, Jasmynstraat 26 d, Hillegersberg, Holando.
1069. F-ino Isabelle Downie (teknika instruistino), rue St-Nicolas 1, Boulogne-sur-Mer (Pas-de-Calais), Francujo.
1070. D-ro F. C. Dominicus, Van Boetzelaerlaan 41, Den Haag, Holando.
1071. Prof. R. Thiry (universitata profesoro), boul. de la Victoire 15, Strasbourg (Bas-Rhin), Francujo.
1072. Marius Doué (honoro direktoro Prefektejo Seine), rue Charles-Divry 10, Paris, Francujo.
1073. S-ino Ginette Doué (oficistino), rue Charles-Divry 10, Paris, Francujo.
1074. F-ino Gisèle Malbec, rue Charles-Divry 10, Paris, Francujo.
1075. S-ino Suzanne Rémond, boulevard des Batignolles 53, Paris, Francujo.
1076. André Rémond (financa ĵurnalisto), boulev. des Batignolles 53, Paris, Francujo.
1077. Camara Oficial de Comercio de Espana en Paris, avenue de l'Opéra 32, Paris, Francujo.
1078. D-rino Isabelle Gaboriau (kuracistino), rue de Belzunce 12, Paris-X, Francujo.
1079. F-ino Lisa Astrand (instruistino), Frejgatan 37, Stockholm, Svedujo.
1080. Clara Houlker, Queens Park Hospital, Blackburn, Lancs., Anglujo.
1081. Stanislas Král (fotografiisto), rue Saint-Denis 237, Paris-II, Francujo.
1082. F-ino Auguste Klinger, Eisenbahnstr. 4 b, Kaiserslautern, Germanujo.
1083. F-ino Simonne Richard, Nottebohm 19, Antwerpen, Belgujo.
1084. Esperanto-Grupo de Toulouse, rue des Lois 5, Toulouse (Hte-G.), Francujo.
1085. S-ino Alice Richard, Nottebohm 19, Antwerpen, Belgujo.
1086. F-ino Jeanne-Marie Dorsinfang, rue Henri-Lemaître 57, Namur, Belgujo.
1087. F-ino Louise Dorsinfang, rue Henri-Lemaître 57, Namur, Belgujo.
1088. F-ino Alice Brosse, chaussée de Louvain 16, Namur, Belgujo.
1089. F-ino Siri Linander, Kungsholmsstrand 181, Stockholm, Svedujo.
1090. S-ino Klara Vikström-Halvarsson, Borrargatan 27, Kiruna, Svedujo.
1091. F-ino Margit Örn, Heleneborgsgatan 6, Stockholm, Svedujo.
1092. S-ino Eva Julin, Kungsholmsstrand 185, Stockholm, Svedujo.
1093. Honoré Bourguignon (instruisto), Ecole de garçons, Saint-Maximin-la-Sainte-Baume (Var), Francujo.
1094. Frédéric Spindler (higiena-inspektor-kuracisto), route de Trouville, Pont-l'Evêque (Calvados), Francujo.

1095. Max Fuchs (lernanto), Langenwolmsdorf 10, Sachsen, Germanujo.
1096. F-ino Micheline Jaccard (komercistino), Grande rue 44, Morges, Canton de Vaud, Svisujo.
1097. F-ino Nelly-Anna Michel (oficistino), « Le Clos », Pully, prés Lausanne, Canton de Vaud, Svisujo.
1098. F-ino Violette Michel, « Le Clos », Pully, près Lausanne, Canton de Vaud, Svisujo.
1099. Josef Franz Dinslage, Mechthildenstrasse 39/II, München 38, Germanujo.
1100. S-ino Clara Dinslage, Mechthildenstrasse 39/II, München 38, Germanujo.
1101. Maurice L. Lexa, rue Jules-Verne, Palaiseau (S.-et-O.), Francujo.
1102. Cottereau (asekuristo), rue des Aubépines 37, Bois-Colombes (Seine), Francujo.
1103. A. Walter Kuretzki (ĝardenisto), Kirchstrasse 30, Kleve, Rheinland, Germanujo.
1104. F-ino Helene Wolff (instruistino), Emmeridenstr. 28, Kleve, Rheinland, Germanujo.
1105. F-ino Ella L. Nilson, Torget 2, Sölversborg, Bleckinge, Svedujo.
1106. Jacques R. Peters (instruisto), Van Welderenstraat, Nijmegen, Holando.
1107. Gustav M. Bengtsson, Kv. 53-I B., Kiruna C., Lappland, Svedujo.
1108. Karl Söderberg, Smedjebacken, Svedujo.
1109. S-ino Daisy Thorsen (mastrumantino), Nysagatun, Hamar, Norvegujo.
1110. F-ino Nellie Louise Russell, Barry Road, Yr. Hafod, Barry, Glam., Kimrujo.
1111. F-ino D. Matthews, Jenner Road 14, Barry, Glam., Kimrujo.
1112. Bernard E. Long, Victoria Grove 7, London W. 8, Anglujo.
1113. John B. West, Briar Cottage, Westgate-on-Sea, Kent, Anglujo.
1114. Roger Dowley, Melville Avenue, Egremont, Croydon, Surrey, Anglujo.
1115. F-ino Cissie Isaacs (instruistino), Bignor Street 21, Cheetham, Manchester, Lancs., Anglujo.
1116. S. P. Marks, Gibbon Road 23, Acton W. 3, London, Anglujo.
1117. Charles Barnes (inĝeniero), Athelstan Rd 39, Colchester, Essex, Anglujo.
1118. S-ino B. Meredith, Shaftmoor Lane 450, Hall Green, Birmingham, Anglujo.
1119. H. H. Meek, Linton Road 14, Hastings, Anglujo.
1120. S-ino A. Meek, Linton Road 14, Hastings, Anglujo.
1121. F-ino Dorothy Williams (sekretariino), Darlaston 21, Junction Lane, Burscough near Ormskirk, Lancs., Anglujo.
1122. F-ino Ellen G. Nuttall, Gosforth Road 22, Southport, Anglujo.
1123. A. Proctor, Plover Street 25, Burnley, Lancs., Anglujo.
1124. R. A. M. Kearney, Cromwell Road 95, Wimbledon, London S. W. 19, Anglujo.
1125. S-ino Sarah A. Grimmitt, Clarendon Road 14, Lewisham, London S. E. 13, Anglujo.
1126. Vincent Grimmitt (komerca vojaĝisto), Clarendon Road 14, Lewisham, London S. E. 13, Anglujo.
1127. F-ino Alma Ch. Grimmitt (stenografiistino), Clarendon Road 14, Lewisham, London S. E. 13, Anglujo.
1128. F-ino Kathleen M. Wolledge (stenografiistino), Bonfield Road 10, Lewisham, London, Anglujo.
1129. F-ino Andrée Laurent, pharmacie Theoleyre, Virien-sur-Bourbre (Isère), Francujo.
1130. F-ino Madeleine Bouloch, rue des Pipots 22, Boulogne-sur-Mer (P.-de-C.), Francujo.
1131. Henry van Etten (sekretario), rue Guy-de-la-Brosse 12, Paris-V, Francujo.
1132. Angelo Lovati (bankoficisto), via Lipari 8, Milano 125, Italujo.
1133. Alexandre Lavenier (eks-oficiro), avenue Thiers 78, Le Mans (Sarthe), Francujo.
1134. S-ino Marguerite Lavenier (akuŝistino), avenue Thiers 78, Le Mans (Sarthe), Francujo.
1135. Geoffrey Bevan (arkitekto), Stanley Villa, Wrexham, Denbighshire, Kimrujo.
1136. F-ino Maria Müller (instruistino), Dudweilerstr. 75, Saarbrücken, Saar-Teritorio.
1137. Laurent L. Lagarde (inĝeniero), rue Venture 17, Marseille (B.-du-R.), Francujo.
1138. Alfred Linder (ĵurnalisto), rue La Fayette 105, Paris-X, Francujo.
1139. André Courthial (komercisto), boulevard de la Chapelle 49, Paris-X, Francujo.
1140. F-ino Eliane Courthial, boulevard de la Chapelle 49, Paris-X, Francujo.
1141. F-ino Jeanne Ferrand (sekretariino), rue Lamennais 5, Paris-VIII, Francujo.
1142. René Fournier (inĝeniero), cours Fauriel 82, Saint-Etienne (Loire), Francujo.
1143. S-ino Anna Fournier (instruistino), cours Fauriel 82, St-Etienne (Loire), Francujo.
1144. Georges Collon (direktoro de la biblioteko urba en Tours), La « Ginetterie », Jouélès-Tours (I.-et-L.), Francujo.
1145. G. F. L. Beau (instruisto), boulevard Jean-Jaurès 11, Clermont-Ferrand (P.-de-D.), Francujo.
1146. S-ino M. A. E. Beau, boulevard Jean-Jaurès 11, Clermont-Ferrand (P.-de-D.), Francujo.
1147. Francis Mir (oficisto), rue Kléber 76, La Madeleine (Nord), Francujo.
1148. Louis Badois (inĝeniero), boulevard Péreire 212, Paris-XVII, Francujo.
1149. Esperanto-Grupo de Dunkerque, rue Emmery 45, Dunkerque (Nord), Francujo.

1150. ESPERANTO-GRUPO DE DUNKERQUE, rue Emmery 45, Dunkerque (Nord), Francujo.
1151. Dennis S. LEAKEY, Rainsford Way 15, Romford, Essex, Anglujo.
1152. Russel W. HAMILTON (instruisto), Raly Gdns 18, Bishop Auckland, Durham, Anglujo.
1153. R. MURRAY, Evesham Road 34, London N. 11, Anglujo.
1154. Eugène PIQUET (lignaĵisto), rue de Rocroy 2, St-Maur-des-Fossés (Seine), Francujo.
1155. F-ino Mathilde M. FONTERNE, rue Ed.-Vaillant 152, Tours (I.-et-L.), Francujo.
1156. S-ino Louise PRÉVOST (pentristino), rue Violet 75, Paris-XV, Francujo.
1157. F-ino E. CYRYNSKA, rue Lamblardie 18, Paris-XII, Francujo.
1158. J. ALBERICH-JOFRÉ (komerca agento), Sant Lluis 61, Barcelona, Hispanujo.
1159. F-ino N. J. M. SMITH (oficistino), Noorder Amstellaan 134, Amsterdam, Holando.
1160. F-ino M. BIJLEVELD, Adriaan Pauwstraat 12, s'Gravenhage, Holando.
1161. A. J. KALMA, Taco Mesdagplein 1, Groningen, Holando.
1162. S-ino M. Van der BEEK-COOPER, Van Pallandstraat 22, Arnhem, Holando.
1163. F-ino Kunette GIEL (oficistino), Verl, Lodewijksstraat 14, Groningen, Holando.
1164. J. Th. KAPTEIN (butikisto), Insulinde Weg 49 H., Amsterdam, Holando.
1165. S-ino M. L. KAPTEIN, Insulinde Weg 49 H., Amsterdam, Holando.
1166. F-ino Mathilda E. J. C. VINGERHOETS (instruistino), Amstelveensche Weg 139, Amsterdam, Holando.
1167. S-ino A. GESNER V. D. VOORT-SWART, Oranjelaan 65, Dordrecht, Holando.
1168. F-ino J. A. KIELSTRA (instruistino), Spuiweg 110, Dordrecht, Holando.
1169. F-ino N. DOOREN (instruistino), Dubbeldamsche Weg 162, Dordrecht, Holando.
1170. Jean Leendert MAST (oficisto), Pieter de Hoochstraat 72, Amsterdam, Holando.
1171. F. van der BEEK (oficisto), Van Pallandstraat 22, Arnhem, Holando.
1172. W. STADT, 1e Helmerstraat 65, Amsterdam, Holando.
1173. S-ino N. STADT-STAPEL, 1e Helmerstraat 65, Amsterdam, Holando.
1174. S-ino M. E. KORNDÖRFFER-BENTEN, Stadhoudersplein 34, s'Gravenhage, Holando.
1175. S-ino P. Hermine van der LEK-MUNS, Valkenboschkade 208, Den Haag, Holando.

**Laŭlanda Statistiko :** Alĝerio, 2 ; Argentino, 1 ; Armenujo, 1 ; Aŭstrujo, 5 ; Belgujo, 53 ; Bulgarujo, 1 ; Ĉeĥoslovakujo, 32 ; Danujo, 2 ; Libera Urbo Danzig, 1 ; Estonujo, 1 ; Finlando, 1 ; Francujo, 422 ; Germanujo, 82 ; Granda Britujo, 150 ; Grekujo, 1 ; Hispanujo, 23 ; Holando, 161 ; Hungarujo, 19 ; Irlanda Libera Ŝtato, 1 ; Italujo, 13 ; Japanujo 2 ; Jugoslavujo, 5 ; Latvujo, 1 ; Litovujo, 1 ; Maroko, 2 ; Norvegujo, 9 ; Polujo, 26 ; Rumanujo, 1 ; Saar-Teritorio, 5 ; Sovet-Rusujo, 2 ; Svedujo, 30 ; Svisujo, 35 ; Turkujo, 1 ; Usono, 2.

**Sume, 1.094 kongresanoj el 34 landoj (la 2-an de julio 1932).**

L. N. NEWELL,
*Generala Sekretario de la L. K. K.*

# Galeries Lafayette

Se vi elparolas la nomon de Lafayette antaŭ studento, li respondos al vi, ke efektive li jam aŭdis ion pri tiu fama generalo. Se vi elparolas tiun nomon antaŭ pariza aŭtodroŝkisto, li asertos, ke li bonege konas tiun straton. Se vi elparolas la saman nomon antaŭ sinjorino, ŝi sendube klarigos al vi, ke tio estas la plej granda magazeno en Parizo, kie oni povas aĉeti la plej belajn aĵojn. La studento, la aŭto-droŝkisto kaj la sinjorino estas pravaj. Sed, kiel ĉiam, la sinjorino estas pli prava ol la du aliaj, ĉar la nomon famiĝis malpli la granda generalo kaj la strato ol la samnoma magazenaro.

En 1899, kiam fondiĝis anonima societo « Galeries Lafayette », kun akcia kapitalo de 2.300.000 fr., ĝi posedis nur tri domojn ĉe la bulvardo Haussmann. Hodiaŭ ĝi okupas preskaŭ tutan kvartalon, malantaŭ la Oper-Palaco, kie ĝi posedas tre modernajn vendejojn, tre luksajn, tre komfortajn, kaj ĝia akcia kapitalo sumas je 200 milionoj da frankoj.

Kion oni povas aĉeti en Galeries Lafayette ? Unuvorte ĉion, sed ĉefe — kaj pro tio ĝi famiĝis — modajn artiklojn, modernajn kreaĵojn. Por plaĉi al sia eleganta klientaro la entrepreno devis senĉese adaptiĝi al la lastaj progresoj, kaj ĉiam ĝi klopodas, por ke vizito en ĝiaj magazenoj estu al la aĉetema publiko ne nur utila sed ankaŭ agrabla. Kaj ĝi sukcesis.

Tiu giganta magazenaro apartenas al la parizaj vidindaĵoj. Ni rekomendas al ĉiuj kongresanoj, precipe al la sinjorinoj, dediĉi kelkan tempon al tiu vizito. Ĉiu parto de tiuj multetaĝaj vendohaloj estas interesa, de la strataj montrejoj, prezentitaj kun perfekta gusto kaj evidenta arto, ĝis la tegmentaj terasoj, de kie oni superrigardas la intensan vivon de la plej trafikoriĉa kvartalo.

En la pariza komerco, pli speciale koncerne la modon, Galeries Lafayette ludas eminentan rolon. La retoj de ĝiaj rilatoj disvastiĝis sur la tutan terglobon. En ĝiaj babelaj haloj ĉiutage aŭdiĝas vortoj el ĉiuj lingvoj. Tie sendube, ĉe tia entrepreno, Esperanto montriĝus plej utila. Tion sendube komprenis la Direkcio de Galeries Lafayette, kiu pruvas sian intereson al la helplingvo, invitante ĉiujn kongresanojn al lunĉo en sia restoracio, lundon, 1-an de aŭgusto. Ni volonte uzos ĉi tiun okazon por montri al niaj afablaj gastigantoj, ke Esperanto ne estas teorio sed vivanta lingvo, kiu bone fartas.

# JULES ROMAINS

JULES ROMAINS, kies universale konata komedio *Knock, aŭ la Triumfo de la Medicino* estos prezentata en Esperanto dum la Pariza Kongreso, estas unu el la plej tipaj modernaj verkistoj. Kvankam liaj unuaj verkoj datumas de antaŭ la milito, la plena disvolviĝo de lia talento estas postmilita. Siajn infanajn jarojn li vivis en tiu interesa kvartalo Montmartre, kaj li ricevis tie la unuajn bazojn de eduko en la popola lernejo. De tie li forportis, dank' al sia natura observemo, eksterordinaran konon pri popolaj moroj kaj tiun specialan, skeptikan ekrigardon al la mondo, kiu karakterizas la parizanon. Duagradajn studojn li faris en la malnova liceo Condorcet, kiu tiuepoke prezentis kaj spegulis la riĉan kaj mezriĉan burĝaron kun ĝiaj moroj kaj kvalitoj, bonaj aŭ malbonaj. Jen alia fonto, el kiu povis ĉerpi la lerta observanto. Post universitataj studoj, kiuj havigis al li la diplomon de licenciato pri literaturo, li eniris « École Normale », kiu estas supera lernejo preparanta al universitata profesoreco. Tie li studis ne nur la literaturon sed ankaŭ la natur-sciencojn. Tiamaniere li fariĝis unu el tiuj malmultaj verkistoj, kiuj posedas duoblan kulturon: literaturan kaj sciencan. Kiel frukton de siaj sciencaj laboroj li prezentis en 1920 sian teorion pri « paroptika (eksterretina) vidkapablo ». Lia sciencismo stampas lian tutan verkaron. Li estas psikologo, sed ankaŭ biologo.

La ĉefa distinga ideo de Jules Romains estas tiu pri « unuanimismo ». Ĝi vidiĝas jam en liaj unuaj verkoj, kiel skizo, kiel etudo, por fine ampleksiĝi ĝis dinamika certeco de la kolektiva vivo. Laŭ tiu ideo la individuo estas nur ĉelo de pli komplikita organismo, en kiu li daŭre, aŭ nur preterpasante, troviĝas. Ĉiuj agoj de la individuo dependas ne de li, sed de la momenta medio, tiamaniere, ke la sama persono reagas malsame kontraŭ la sama kaŭzo, laŭ la ĉirkaŭantaro. La homamaso, en kiu li troviĝas, influas liajn agojn. Sekve, ĉiu grupiĝo de homoj, eĉ plej nedaŭra, kiel ekzemple vojaĝantoj en aŭtobuso, prezentas sian personan ekziston, sian propron vivon.

Alia rimarkinda eco de Jules Romains estas kontraŭstaro al certaj tendencoj de la modernaj literaturistoj, kiuj celas nur malmultnombran adeptaron, tiel nomatan « eliton ». Tiuj tendencoj ĝenerale kaŝas en si, sub sonoraj vortoj, foreston de enhavo kaj kreas falsan eliton, ĉar vere inda verkisto devas serĉi universalecon, li devas esti komprenata de la sennombra amaso, kaj por moderna verkisto tio estas vera kuraĝo.

Tute nature, tiuspeca bazo de lia talento devis nepre konduki Jules Romains al sociaj priokupoj, kaj lia tuta verkaro estas fakte tiu de sociologo. Ĉi tie mankas loko por detale analizi ĝin; sufiĉu, por kompletigi la impreson, kiun la kongresanoj forportos pri la aŭtoro de l' nunjara kongresteatraĵo, tiuj kelkaj rimarkoj.

JOSEPH NELS.

# Antaŭkongreso en Lyon

La Organiza Komitato de la Antaŭkongreso en Lyon informis la Lokan Kongresan Komitaton de la XXIV-a, ke s-ro Edouard Herriot, Prezidanto de la Franca Ministraro, konsentis esti Honora Prezidanto de la Patrona Komitato.

Oni samtempe sciigis la jenajn modifojn al la programo :

ĴAŬDO, 28 julio : Ptm., ŝipa ekskurso sur rivero Saône (eventuala).

Vespere, 20 h. 30, ĉe « Chalet du Parc », prezentado de lokaj marionetoj Guignol, kaj teatraĵo *La Malfeliĉa Svatanto*.

VENDREDO, 29 julio : Matene, senŝanĝe.

Ptm., la prezo de la urbvizito en aŭtoĉaro estas reduktita je 5 francaj frankoj. Halto ĉe la Foira Palaco ; oficiala akcepto kun trinkaĵoj.

**Loĝejoj kaj manĝaĵoj :** Ĉambroj depost 14 frankoj ; manĝoj depost 6 frankoj.

[**Fervojaj biletoj :** La Loka Kongresa Komitato de la XXIV-a provis havigi al kongresanoj uzantaj la kongresajn rabatilojn permeson halti en Lyon. Bedaŭrinde, la Direkcio de la Francaj Fervojoj tion ne povas konsenti al ni. — *Noto de la Redakcio.*]

# La Luno kaj la Kongreso

Multo, se ne ĉio, dependos de la luno.

* * *

Kiam, post la libertempo, la Pariza Esperantista Grupo rekunvenis unuafoje, oni komprenEble parolis pri la Kongreso. La Grupprezidanto, s-ro Warnier, kiu estas samtempe Prezidanto de la L. K. K., skizis per grandaj trajtoj la ĝeneralan planon. Sed leviĝis poste multaj scivolaj demandoj pri detaloj kaj detaletoj. Kie? Kiu? Kiam? Ĉu okazos balo? Ĉu teatraĵo? Ĉu ekskursoj?

Jes, jes, jes! Kaj laŭ promesoj de l' Prezidanto, unu el la ekskursoj estos tute originala: dum ĉarma aŭgusta nokto oni veturos per vaporŝipoj ĝis Saint-Cloud. Rava aventuro, gaja nokto. Oni grupiĝos laŭplaĉe, — oni babilos, oni kantos, oni ...

Tiam laŭtiĝis pluraj voĉoj: « Ĉu estos lunhelo? »

Ĉar romantikaj animoj ĉiam preferas lunhelan nokton.

Sed malgraŭ siaj piaj deziroj oni baldaŭ devis konstati, laŭ fidinda poŝkalendaro, ke dum la unua semajno de aŭgusto estos novluno. Tial la Prezidanto povis, kun sia kutima kompetenteco, konklude deklari, ke tiu ekskursa nokto tre verŝajne estos malhela.

Ni aŭdis tiam tute ĉarman fraŭlinon, kiu paroletis sinperfide: « Feliĉe! »

Do, — venu multnombraj al tiu kongresa ŝipekskurso!

## Anoncetoj

*Kongresanoj kaj aliaj, kiuj deziras trovi korespondanton, povas publikigi anonceton sub tiu ĉi rubriko. La prezo estas unu franca franko por ĉiu linio (el sep vortoj) aŭ parto de linio.*

SAMIDEANO scianta ses lingvojn serĉas iun ajn okupon. Preferus instrui, traduki, gvidi kursojn, k. t. p. Skribu al la *Gazeto de la XXIV-a* por J. F.

FRANCA SAMIDEANO deziras korespondi antaŭ la Kongreso kun fremdaj kongresaninoj. Skribu al s-ro Lamince, 121 rue Lafayette P. O. P., Paris-X (se eble kunmetu fotografaĵon).

RESTAS AĈETEBLAJ poŝtkartoj Esperanto-Paris, vidaĵoj kun teksto en Esperanto. Dekduo: 1 fr. 25 (afrankite, Francujo 1 fr. 50; aliaj landoj, 1 fr, 85). Mendu al f-ino Royer, 14, rue des Carmes, Paris-V.

KONGRESANOJ! Vizitu antaŭ aŭ post la Kongreso la belan mondbanurbon Wiesbaden. Bonvolu anonci vian alvenon al la Del. de U. E. A., s-ro L. Istel, Wilhelmstrasse 1.

MEBLITA ĈAMBRO por unu aŭ du personoj ĉe Esperantisto. Prezo ĉiutage 20 fr. por unu persono, 30 fr. por du personoj. Skribu al s-ino Soulat, ĉe *Gazeto de la XXIV-a.*

ESPERANTISTOJ rekomendas francan intelektan familion por agrabla restado. Familia vivo; konversacioj franca kaj Esperanta. Vilao tre komforta, fluanta akvo varma kaj malvarma. Centra hejtado. Kontraŭ Liceo Michelet, je kelkaj minutoj de la kongresejo. Facilaj komunikoj. S-ino M. du Sablon, 14 bis, avenue Victor-Hugo, Vanves (Seine). Telefono: Vanves 151.

F-INO ELSE THAM, Hauptstrasse 30, Hohenelbe, Ĉeĥoslovakujo, volonte gastigus venontjare samideaninon, kiu akceptus ŝin gastiĝi dum la Pariza Kongreso. Interesatoj sin turnu al la ĉi supra adreso. Ŝi deziras interkonatiĝi kun kongresanoj, almenaŭ 40-jaraj, precipe postkongresontoj en Suda Francujo. Post 20 julio adresu al la Kongresejo.

ESPERANTO-GRUPARO, Berlin, petas la gekongresontojn antaŭ aŭ post la Pariza Kongreso trapasontajn Berlinon, ke ili bonvolu sin anonci aŭ ĉe s-ro Eckhardt Lindeman (adreso: Französische Str. 9-12, Berlin W. 8), aŭ ce s-ro Ernst Wichert (adreso: Göhrenerstr. 12, Berlin N. 58.) Ni volonte estas pretaj aranĝi laŭdezire gvidadon tra Berlino! Uzu la favoran okazon kaj vizitu nin! Jam koran bonvenon!

PROFESORO PAUL NYSSENS, kongresano N-ro 701, ne havas sufiĉe da tempo por longe interkorespondi, sed dezirus konatiĝi kaj interparoli dum la Kongreso kun gesamideanoj tenisludantaj aŭ muzikludantaj, ankaŭ kun Sovetanoj, pacifistoj, vegetaranoj, naturistoj, personoj spertaj aŭ interesataj pri mondaj ekonomiaj aferoj aŭ homa kulturo.

KIU GASTIGOS MIAN EDZINON en Parizo dum du-tri semajnoj post la Kongreso estos gastigata en julio 1933 ĉe latva marbordo aŭ kamparo. Bonvolu tuj skribi al T. Indra, Ĉefdelegito de U. E. A., Pasta kaste 475, Riga, Latvujo, aŭ al la Kongreso por s-ino Klaudija Indra.

ANGLAJ SAMIDEANOJ deziras korespondi antaŭ la Kongreso kun parizaj kongresanoj. Skribu al: BM/BE3S, Londono.

FRANCA SAMIDEANINO deziras korespondi kun francaj kongresanoj. S-ino Soulat, 20, rue de la Corderie, Paris.

HELA VIVPLENA NATURAMIKO, kongresano 1132, deziraŝ konatiĝi kun gesamideanoj interesitaj pri naturismo, skoltismo, migradturismo. Sportaj fraŭlinoj tuj skribu min. Angelo Lovati, Fermo Posta, Courmayeur (Aosta), Italujo.

ESPERANTISTA VIDVINO riĉeta deziras edziniĝi kun franca samideano 40-52 jara. Skribu al s-ino Trébor, Etablissements Iris, 22, rue St-Augustin, Paris.

FRAMASONOJ, kiuj venos al la Pariza Kongreso, estas petataj tuj komuniki kun « Esperanto », 8 rue de Puteaux, Paris-XV.

# INVITO

al la

# Literatura Vespero de Verkistoj

arangâta de « Literatura Mondo »

okaze de la Pariza Kongreso

la 2-an de aŭgusto, vespere je la 8 h. 1/2

en la granda teatro de la Kongresejo

PROGRAMO

1. Esperanto-himno.
2. Salutparolado de Kolomano Kalocsay.
3. Teo Jung prelegas novelon.
4. LUDOVIKO LAZARO ZAMENHOF SUR FILMO.
5. Kolomano Kalocsay deklamas el *Eterna Bukedo* kaj *Streĉita Kordo*.
6. Esperanto, la lingvo de literaturistoj : parolado de Jean Forge.

*Paŭzo*

7. Kolomano Kalocsay prelegas alvenintajn salutleterojn de verkistoj kaj prezentas ilin al la publiko.
8. Stellan Engholm prelegas fragmenton el sia lasta romano.
9. Miĥaelo Sárossy kantas hungarajn kaj originalajn Esperantajn kantojn.
10. S. Grenkamp-Kornfeld prezentas novelon.
11. Julio Baghy interpretas I. Lejzerowicz kaj L. N. Newell.

Dum la tuta prezentado konferas Raymond Schwartz.

* * *

Rajtas eniri ĉiu interesiĝanto, kiu aĉetis la specialan francan numeron de *Literatura Mondo* por 9 frankoj, aŭ alian numeron de *Literatura Mondo* por 7 frankoj.

Abonantoj de *Literatura Mondo* ricevas la enirrajtigilon post aĉeto de iu ajn libro en la valoro de 5 frankoj el la eldonaĵoj de *Literatura Mondo*.

Novaj abonantoj ricevas la enirrajtigilon sen la kroma pago.

La necesaj enirrajtigiloj estas riceveblaj ĉe la speciala kongresa stando de *Literatura Mondo* aŭ antaŭ la prezentado.

* * *

*Literatura Mondo* informas ĉiujn interesiĝantojn, ke ĉe la kongresa stando dejoros s-ro V. Bleier, administranto de *Literatura Mondo*, rajtigita por ĉiuj aferoj.

# Vegetaraj Restoracioj en Parizo

KVANKAM oni povas tre bone manĝi vegetarane en la ordinaraj restoracioj de Parizo, tamen la elekto inter la pladoj estas ofte iom pli granda en la specialaj vegetaranaj restoracioj, kaj sendube la vegetaranaj kongresanoj preferos tien iri. Sube, ni publikigas liston de tiuj restoracioj en Parizo.

« PYTHAGORE », 4, rue Saint-Séverin (Métro-stacio Saint-Michel aŭ Cluny) : Prezo, 5 fr. 50 (50 fr. por dek « abonaj » biletoj). Speciala organizo : Oni elektas inter ses manĝaĵoj (t. e. supo, du kuiraĵoj kaj tri krudaj legomoj). Oni rajtas manĝi tiom, kiom oni deziras. Poste, oni rajtas al unu deserto. Ne estas kelneroj, oni devas servi sin mem el la diversaj manĝujoj. Trinkmono malpermesita.

« LA SOURCE », 73, rue Bobillot (Métro-stacio Italie) : Prezo, 5 fr. 25 (47 fr. 50 por dek biletoj). La organizo estas kiel ĉe « Pythagore ».

Tiuj du restoracioj apartenas al la kooperativo « Le Trait d'Union », societo naturista.

« FER A CHEVAL », 42, rue de la Montagne-Sainte-Geneviève (Métro-stacio Place Maubert-Mutualité) : Prezo, 5 fr. 50 por supo kaj du diversaj pladoj (50 fr. por dek biletoj), kaj 7 fr. 50 por supo kaj tri diversaj pladoj (70 fr. por dek biletoj). Restoracio komforta kun kelnerinoj ; rusa direkcio.

« FOYER VÉGÉTARIEN », 12, rue Xavier-Privas (Métro-stacio St-Michel aŭ Cluny) : Prezo, 6 fr. 75 por kvar diversaj pladoj (62 fr. 50 por dek biletoj). Moderna restoracio, bone lumigata ; kelneroj, sed trinkmono malpermesita. Privata direkcio. Kunvenejo de la eŭropa naturista societo « La Amikoj de la Naturo ».

« VEGETARA RESTORACIO », 41, rue Saintonge (Métro-stacioj République, Temple kaj Filles-du-Calvaire) : Prezoj, supo 1 fr., salatoj, fromaĝoj, legomoj 1 fr. 25, 1 fr. 50 kaj 1 fr. 75. Komforta loko ; privata direkcio. Kelneroj ; trinkmono malpermesita.

« FOYER VÉGÉTALIEN », 40, rue Mathis (Métro-stacio Crimée) : Prezo, 4 fr. por viroj, 3 fr. 75 por virinoj. Organizo kiel ĉe « Pythagore » kaj « La Source » ; privata direkcio. Laborista manĝejo.

Estas ankaŭ alia vegetarana restoracio ĉe N° 8 rue Sentier, organizita laŭ la principoj de d-ro Durville.

JEAN GUILLAUME.

# Nia Titolo

La karaktero Sfinkso *(Sphinx)*, per kiu la titolo de tiu ĉi numero estas kompostita, estas gravurita de la fandejo Deberny sub la direktado de s-ro Robert Girard. Oni celis trovi « grasan » karakteron kapablan okupi la lokon de la malnova karaktero Normanda, antaŭe uzata en la presarto. La sukceso de la karaktero Sfinkso superis ĉiujn esperojn, ĉar kvankam ĝi estis desegnata nur por titoloj, oni kompostis eĉ kompletajn verkojn per ĝi.

La titolo estas kompostita kaj kliŝigita de la fandejo Deberny & Peignot.

Geoffrey Dalrymple NASH

# MINIATUROJ

Nete kaj verde bindita.
2 ŝ. 6 p. Afranko : 2 p.

Kvindek ritmaj vort-bildetoj Esperantlingvaj pri hejmvivado kaj personaj spertoj en Esperantujo tra la mondo; elĉerpitaj el Eŭropo, Azio, Afriko, Ameriko kaj Aŭstralazio.

El *Heroldo de Esperanto,* Köln, Germanujo :

« Solenante liberhoreton dum krepuska lumo de adiaŭanta tago frandu kelkajn fruktojn el la bosko de la *Miniaturoj.* Kvazaŭ multkolora brodaĵo impresas la per artisme sublima lingvo plektitaj versoj. Eble min gvidas subjektiva juĝo; sed mi ne kredas, ke io bela ne ankaŭ estas io bona. Ĉu vi ne sentas la alproksimiĝantan fulmotondron en arbaro legante: Jam subfilike kaŭras la fazanoj, alte sur kverko turtoj time kveras? Nash sternas mozaikaĵojn ĉie kolektitajn; ili iĝis versoj sub lia mano, kiun estras saĝo, mildo, ĉionkompreno, amo al ĉiu subsuna kreaĵo kaj senlima bonkoreco. Li prezentas tipon de l' harmonio en la universo. Mi devas mencii, ke lia lingvaĵo estas pure poezia, belforma kaj formriĉa. En prozo multaj el la kunmetitaĵoj ĝenus kaj malfaciligus tujan komprenon. La mondo de l' poeto ŝvebas inter tero kaj ĉielo; tial ne malpermesu al li la uzon de lingvo festa. Nash verkis por malmultaj. Vi, leganto, estu el tiuj!

M. BUTIN, L. K. » (6-11-31).

El *Pola Esperantisto,* Polujo :

« Ne ĉiu pentristo kuraĝas pentri miniaturojn, ĉar tiu ĉi artspeco insiste postulas majstran certecon de l' tekniko. Kiel en veraj miniaturoj ju pli eta estas la bildeto des pli forte videbliĝas ĝia artismo, tiel malgrandaj du, tri aŭ kelkstrofaj poemoj de Nash, devigas nin al admiro pro sia elserĉita gracio. Ĉu povus nin ne ravi agordplena elegio *« Eta Manet' »,* kiun ŝajnas akompani la murmurantaj tonoj *« tik-tak de l'Ava Horloĝ' »*? Ĉu ne al ni el orumita kadro ridetas la pasinteco per « buŝeto flor-simila » de *« Eta praonklino »*?...

Ni devas konstati, ke s-ro G. Nash en siaj *Miniaturoj* donacis al Esperanta leganto miniaturpoemojn en tre alta speco de tiu ĉi verkadmaniero, dank' al kiu forte sin notas en memoro tiu ĉi plastik-kolora serio de l' poemoj, formante tutaĵon tre interesan kaj ne kutiman.

Z. CWIKLINSKA. » (Dec. 1931.)

Havebla ĉe B. E. A., 142, High Holborn, London, W. C. 1.

Ankaŭ ĉe libro-budo ĉe l' Internacia Kongreso en Parizo, kaj de ĉiu Esperantista librovendisto en ĉiuj landoj.

# NI BABILADU PRI PARIZO

JEN do la fama muzearo Louvre, iama reĝa palaco, kun ĝia de ĉiuj bone kolonaro. La unua tie konstruita kastelo aspektis tute malsame kaj konsistis ĉefe el granda turo, kies loko restas signita pere de pavimlinioj sur la korto de la nuna palaco.

Tiu ĉi nepre estas vizitinda. Longe trairu ĝiajn belegajn salonegojn, kiuj montras tiel altvalorajn ĉiuspecajn artaĵojn, maloftajn antikvaĵojn, k. t. p.

tiu momento, unu estas nun ankoraŭ videbla en la muzeo Carnavalet.

Sed nin allogas la proksima rivero, de kies bordo ni havas admirindan vidaĵon al Parizo, ĉefe al la insulo *Cité*, kiun ni jam vizitis, kaj al suda Parizo, kiu atendas nin. Tiu kvadrata sonorilturo, ne tre malproksime, montras al ni la lokon, kie staras la abata preĝejo *St-Germain-des-Prés*. Ĝin konstruigis laŭ romana stilo la tiama episkopo de



LA MUZEO LOUVRE

Kiom da historiaj memoraĵoj enhavas tiuj salonoj ! Kiom da famaj homoj tie vivis, ĝojis kaj ... suferis !

La 22-an de marto 1594 reĝo Henriko IV, kiu de longe sieĝis la ribelintan Parizon, eniris la urbon dum la nokto, kaj povis gaje tagmanĝi, la sekvantan tagon, en unu el tiuj salonoj. En apudan dormoĉambron oni alportis lian kadavron la 14-an de majo 1610, tuj kiam lin estis mortiginta Ravaillac sur la apuda strato Ferronnerie, kaj baldaŭ oni montris en la salono de la subportantaj statuoj lian buston faritan el kolorigita vakso. Malfeliĉe oni ne povis retrovi tiun buston poste, sed el la tri, faritaj konkurse je

Parizo, sankta Germain, kiu en 576 estis entombigita en tiu preĝejo. Malgraŭ pluraj difektadoj, kaŭzitaj de la invadintaj Normandoj, tiu abatejo baldaŭ riĉiĝis kaj fariĝis tre potenca. Ĝi regis la ĉirkaŭajn kvartalojn kaj herbejojn. En tiuj ebenaĵoj rendevuis ofte la rajtodiraj batalontoj. Ili interbatalis antaŭ atestantoj ĝis kiam Dio alportis al unu el ili la malvenkon. Tiamaniere montriĝis, kiu el ambaŭ estis la serĉata kulpulo aŭ kiu estis malprava. Ĉar la venkito devis pagi grandan sumon al la abatejo, tio estis grava monfonto por la monaĥoj. Sed tie okazis ankaŭ ofte bataloj inter la monaĥoj kaj la studentoj. Ni ja vidas tie, starantajn unu

kontraŭ la alia, la du grandajn potencojn de la antikva suda Parizo : abatejo de *St-Germain-des-Prés* kaj la Universitato.

Ni iru nun orienten al la kvartalo de la studentoj. En ĝi restas ja multaj monumentoj, el kiuj devus elŝpruci senfine memoraĵoj, se la malnovaj ŝtonoj povus paroli ! Jen, en la sama kvartalo preĝejoj *St-Julien-le-Pauvre, St-Séverin,*



MALNOVA STRATO EN MONTMARTRE

kaj ankaŭ jen ruinoj de publika banejo romanepoka *Thermes.*

Tiu preĝejeto *St-Julien-le-Pauvre* estas certe vidinda pro sia romana stilo, sia antikveco kaj ĝenerale sia speciala allogo. Rekonstruita en 1170, ĝi estis la centro de tiuj domoj, en kiuj oni akceptis dumnokte la vojaĝantojn, ĉar sankta Julien estas ilia protektanto. En tiu preĝejeto la Universitato kunsidis, kaj ĉiun jaron la administracia urbestro devis veni kaj ĵuri, ke li respektigos la privilegiojn de la profesoroj kaj de la lernantoj.

ELBE.



Centra Presejo Esperantista (V. POLGAR), 33, rue Lacépède, Paris    *Le Gérant :* RAYMOND SCHWARTZ.